# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 5 (24) oktobro 2004*




***en la numero***



***Moskvo, 2004***

# 24-a REK kaj 17-a EoLA

Karaj amikoj!

Ni invitas kaj bonvenigas vin al REK kaj EoLA, kiuj sinsekve okazos en la urbo Jekaterinburg ekde la 29-a de aprilo ĝis la 5-a de majo 2005.

REK kaj EoLA estas eventoj tradiciaj por nia rusia E-movado, sed ĉi-foje ni havos unikan ŝancon kunigi aktivecojn de la esperantistaroj el okcidenta kaj orienta partoj de la lando. Multaj orientaj esperantistoj dum lastaj jaroj ne partoprenis REK-ojn pro malproksimeco kaj tial sentis sin iusence izolitaj de la movado. Jekaterinburg situas meze de Rusio kaj tial estas facile atingebla por samideanoj el ĉiuj partoj de nia grandega lando, ĝi estas historia centro, kiu plej proksimas al la geografia limo inter Eŭropo kaj Azio, kaj tial ni ĝojas kunligi la trafan lokon kun la gravaj Esperanto-aranĝoj.




*REK kaj EoLA okazos en la sama sanatorio, kie en majo pasis "Esperantista Printempo en Uralo"*

La kongreso estas taŭga forumo por pridiskuti nian E-movadon, analizi ĝiajn sukcesojn kaj mankojn. Sed antaŭ ĉio E-kongreso estas kunestado en agrabla samideana etoso, tute ne enua, sed vigla kaj ĝojiga. Konsiderante, ke ordinare ne ĉiujn partoprenantojn entuziasmigas utilaj primovadaj diskutoj kaj ke multaj preferas esperantumi ekster oficialaj kunsidoj, la organizantoj penos aranĝi REK-24 tiel, ke oni ne dronu en senfinaj disputoj kaj des pli en senkialaj kontraŭstaroj, sed povu ankaŭ lerni, informiĝi kaj interŝanĝi ion interesan, amuziĝi.

La tradician artan festivalon EoLA-17 kunorganizos energia kaj kuraĝa junulara teamo el la tjumena E-klubo "Revo", kiu pasintjare festis sian 30-jariĝon. Inter la eroj de la bunta enhavo de venonta EoLA, krom la jam tradiciaj (kanta, poezia, teatra) konkursoj, estos ankaŭ loko por tute novaj ideoj kaj konkursoj.

Krom labori, lerni, amuziĝi, ni ankaŭ havos eblon ekskursi, vizitos belegan "Katedralo sur sango", konstruitan sur la loko, kie estis ekzekutitaj la lasta rusia Imperiestro Nikolao la Dua kun la familio, krom tio – unikan en la mondo geografian Limon, kie vi povos stari per unu piedo en Eŭropo, per la alia – en Azio, kaj poste sendi vian "foton el du kontinentoj" al viaj amikoj.

Ambaŭ aranĝoj okazos surbaze de la sanatorio "Bodrostj", kiu situas ene de la

urbo kaj estas facile atingebla dum 30 minutoj de la stacidomo per urba trafiko. Vin atendos komfortaj trilitaj ĉambroj kun duŝejo kaj necesejo, kontraŭ ~200 rub. por 1 tagnokto, aŭ signife malplikosta surplanka varianto (amasejo). Trifoja manĝado kostos proksimume 100 rubloj tage. Ĉio – dormĉambroj, aranĝsalonoj kaj manĝejo estas en la sama domo, kiu apartenos dum la aranĝoj nur al ni.

Pri la kotizoj, ĉefaj temoj de la aranĝoj kaj konkretaj programeroj, kiuj estas preparataj, ni informos vin en la Informletero, kiu estos dissendita en decembro kune kun la sekva numero de REGo.

Ni esperas, ke ĉi tiuj venontaj eventoj interesos vin, kaj la invito instigos nepran deziron partopreni kaj kunlabori. Ni ĉiuj faru en amika kaj agrabla etoso kunigan kaj produktivan Kongreson kaj enhavoriĉan, interesan, neforgeseblan EoLA-n!

Kontaktoj: Raja kaj Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg) – h.t. (343) 3814250, retadreso <komencanto@r66.ru>; Veselov Pavel (Tjumenj) – h.t. (3452) 337578, retadreso <revo_tek@yandex.ru>.

***REU-Estraro***
***grupo de iniciatemaj uralaj esperantistoj el Jekaterinburg***
***Tjumena E-klubo "Revo"***

---

# RET-04

*opinioj de la organizintoj*

**Zoja Kaĉalova**

Reprezentante la akceptantan flankon, mi tre maltrankviliĝis kaj deziris, ke ĉio estu glate organizita. Tamen ĉio estis kiel ĉiam.

Kiam venis la aŭtobuso kun 30 homoj, ili estis devigitaj atendi en la vico por ricevi manĝtalonojn kaj lokojn por dormi. Observante la kvietajn kaj toleremajn vizaĝojn, mi preskaŭ trankviliĝis, ĉar estas kompreneble, ke tiu proceduro estas necesa kaj kutima. Poste mi komprenis, ke ĉio, kio estas kutima, tradicia, estas bona.

Bonaj estas la matenaj kunvenoj post matenmanĝo, gvidataj de la tondravoĉa Garik. Kvankam mi neniam komprenis neceson de tiuj, se estas pendigita la taga programo. Eble gravas vivaj kontaktoj?..

Bona estis la matena gimnastiko, kiun ĉiumatene gvidis Vera Vlasova, speciale biciklinta el Tiĥvin antaŭ sia labortago. Viktoro Aroloviĉ, kaŝe observanta el la apuda arbustaro, grumblis, ke oni gimnastikas helpe de la rusa lingvo (la plej ofta vorto, uzata de Vera, estis "ap!"). Li ne komprenis, ke, se li gimnastikus kun ni, pura Esperanto eksonus jam de la dua mateno, ne de la lasta, ĉar multajn necesajn vortojn ni trovis per komuna serĉado en niaj kapoj. Ja plejparte gimnastikis komencantoj – virinoj el Peterburgo, kiujn la sola Sveta Smetanina ne povis urĝe fari tiom spertaj pri la lingvo, kia estas Viktoro.

Bonaj estis, certe, renkontiĝoj en la nokta kafejo, ankaŭ apud la fajro, kiun finfine permesis fari al ni la vetero. Jes, komencintoj-tiĥvinanoj ofte uzis la rusan lingvon por ĝustigi ion. Estas manko de nia kluba edukado. Ni devis enkapigi al ili, ke dum E-renkontiĝoj oni devas paroli nur Esperante.

Ĉu la temo de RET pri la kulturo, ĉu la konsisto de la kolektiĝintoj, inter kiuj forestis skandalemaj personoj, faris la etoson vere kultura kaj eĉ familia. Min ĝojigis la toleremo de prelegantoj, kiam dum la prelegoj homoj aperadis kaj foriradis. Se mi estus tiom tolerema en ĉiutaga vivo: en la oficejo, en la busoj, en la familio… Plorado kaj kurado de infanoj estis pli tolereblaj ol la ŝmacado de Anatolo Gonĉarov, kiu formanĝadis en angulo sian kuiritan beton dum la prezentado de Gennadij Ŝilo kaj Andrej Korobejnikov. La delikataj profesoroj kaj aliaj kulturaj esperantistoj ŝajnis ne rimarki tion.

Bonokaze necesas diri, ke kelkaj tiĥvinanoj, malproksimaj de Esperanto, demandis min pri la talenta knabo kaj bedaŭris, ke ne ĉeestis dum lia koncerto en la Artlernejo. Tiuj onidiroj estas agrablaj.


*Ivan Makogon kaj Svetlana Smetanina*

Por mi la plej komplika afero estis organizo de la nutrado. Pli-malpli ĉio ordiĝis, kiam venis la sperta kaj afabla Ljuba Maleĵ. Dankon al la kuiristinoj, kiuj atentis pri ĉiuj kapricoj de la venintoj: vegetaranoj, fastantoj k.t.p. Mia manko estis, ke mi ne povis klarigi al laboristinoj de la manĝejo, kiu kion manĝas aŭ ne manĝas, ĉar mi mem ne komprenis tion. Mi ne atentis tion dum la antaŭlaboro kun la aliĝiloj. Tamen kulturo de la vizitantoj de la manĝejo estis multe pli alta ol kutima kulturo de lernejanoj. Kaj la kuiristinoj vere admiris, ke ĉiuj venis sen krioj, sen bruo, ne kurante, alparolis ilin kun la nekutimaj "Bonvolu" kaj "Dankon". Kiam ili ricevis eĉ skriban dankon en la fino de RET, ili pardonis jam ĉiujn miajn miskalkulojn.

Sen ŝercoj, min admiris vere altkulturaj homoj, kiuj estis agrablaj kaj nepretendemaj. Profesoro Ŝilo eĉ ne aludis, ke mankis la kusenujo, li simple kovris la kusenon per litotuko. Pardonu min, samideano Ŝilo, mi rimarkis tion nur post via forveturo. Pardonu ĉiu, al kiu mankis nia majstra atento kaj zorgo. Ĉar multaj tiĥvinanoj havis streĉan laboron dum aŭgusto. La pli junaj estis studentoj, la pli maljunaj ne sukcesis atingi la tendaron. Nur kelkaj bravuloj povis ĝispiediri, ĝiskuri, ĝisbicikli.

La plej grava impreso por mi denove estis, ke la tendaro estas bone regulata mekanismo, kiu ne bezonas konstantan puŝadon. Ĝi funkcias, kiel horloĝo. Gravas la unua streĉo, poste la mekanismo funkcias dank' al la risortoj. Al mi plaĉis, ke la aranĝoj komenciĝis ĝustatempe, sen eĉ minuto da malfruo. Estas vera tempa kulturo, al kiu povas envii eĉ rusiaj fervojistoj.

Kiam finiĝis la renkontiĝo, mi enspiris libere, tamen kompreneblas por mi, ke mi denove povas enkoŝmariĝi, kiel majstro en iu Esperanto-tendaro, enviante al

tiuj, kiuj simple ripozas kaj povas partopreni tiujn aranĝojn, kiuj ilin interesas, sed ne nur tiujn, kiu restas post diversaj organizomajstraj agoj.

Konkludoj: kiel mastrino mi havis ne malmulte da eraroj; se mi nenion farus, mi ne erarus; se mi ne erarus, mi estus kontenta kaj kvieta; se mi estus kontenta kaj kvieta, mi estus morta; mi preferas erari kaj esti viva kaj agema; do, estu Esperanto!

**Viktoro Kandalinskij**

Male al OkSEJT-39 (1999) la varmvetera periodo finiĝis tri tagojn antaŭ la malfermo de RET-04. Sed malvarmo kaj aliaj maloj – malbruemo, maldiboĉemo, malhuliganemo de la partoprenintoj – estis la fono, kontrastinta kun la ĝojo, kiun varmigis la renkontiĝo kun malnovaj amikoj.

**Olga Tiĥomirova, Anton Kirjakov**

Al ni plaĉis Vladimir Vladimiroviĉ Samodaj.

**Mikaelo Bronŝtejn**

Mi venu tuj al kelkaj personaj konkludoj:

RET-04 estis sukcesa. Almenaŭ pro tio, ke la planita programo realiĝis preskaŭ 100-procente, kaj pro tio, ke dudeko da komencantoj peterburgaj kaj tiĥvinaj ricevis bonajn lecionojn ne nur de la bona instruistino Svetlana Smetanina, sed de ĉiuj ĉeestantaj spertuloj.



*Vladimir Samodaj, Viktor Aroloviĉ, Oljga Gavrilova*

La plej grava manko estis nemulto da junularo. Kompreneble, post la IJK, finita tute antaŭnelonge, ni ne povis kalkuli pri amasa veno de junuloj. Do, ĉe la meza statistika aĝo 42 mi ĝoju, ke miajn 55 kaj iom pli multajn de Samodaj sukcesis mildigi la gaja gejunula areto kaj la heroa familio Galiĉskij.

En la fino de RET mi estis en sufiĉe forta despero. Mi sentis min tro maljuna por organizi amasajn aranĝojn, ĉar funde de mia animo mi avare bedaŭris pri la monatoj, gravparte perditaj por miaj kutimaj E-okupoj ĉekomputilaj, ĉelibraj, ĉevortaraj. Mi diris al mi, ke RET estis la lasta aranĝo, kie mi rolis kiel kunorganizanto. Sed finseptembre la urbodomo de Tiĥvin (kontenta pri RET!) proponis al mi, ke Tiĥvina Esperanto-klubo organizu en 2005 seminarion pri ĝemelurba kunlaboro de esperantistoj. La seminarion oni pretas enplanigi oficiale, kaj helpi – organize, per-eje kaj pertransporte. Kaj mi, eksteratende por mi mem, diris, ke jes, ni provos… Bonvenon al Tiĥvin refoje!

**Ĵenja Berger**

Al mi tre plaĉas seriozeco de la renkontiĝo. Estis multaj interesaj prelegoj, multaj interesaj homoj. Mi komprenis, ke mi pli ŝatas seriozajn renkontiĝojn. Pro tio

mi decidis en la sekvanta jaro veturi ne al IJK en Zakopane, sed al UK en Vilno.

**Aleksandr Belov**

La impresoj de simplaj partoprenantoj-ripozantoj kaj de organizantoj de la renkontiĝo estas iomete diversaj. Jam pasis monato post RET, sed mi daŭrigas la laboron: de la komenco mi faris la adresaron, poste verkis artikolon por loka gazeto, nun finas la ŝanĝojn de la retpaĝaro (vidu ĝin ĉe <www.ret-04.narod.ru>) – nun tie estas 45 fotoj de la partoprenintoj kaj pli ol 80 fotoj pri la aranĝo mem.

Dum RET mi ne sukcesis partopreni ĉion, ĉar devis ion organizi mem. Sed mi estas tre kontenta pri tiu laboro, des pli ĉar mi aŭdis multajn dankvortojn de la samideanoj. Ekzemple, Valentina Sibirceva diris al mi, ke por ŝi tio estis la plej bona Esperanto-renkontiĝo. Se konsideri, ke ŝi havas 32-jaran E-biografion kaj aktive partoprenis ĉie – tio estas tre alta pritakso. Min tre impresis vera Esperanta etoso, kiu regis dum la aranĝo, kaj certe multnombraj kantoj, kiuj sonis ĉiuvespere kaj ĉiunokte, ĉar sen kantoj mi ne povas imagi Esperanto-renkontiĝon.

Mi esperas, ke ni denove provos inviti RET al nia urbo post 5 jaroj.

Do estu RET!

Estu ĉiam tendaroj!

Vivu ni por ĉiam'!

## GUDROGUTOJ EN RET-04

Espereble vi konsentas, ke en ajna afero memkontento kondukas al stagno, sed kritiko stimulas progreson. Pro tio, kaj por ne ripeti la impes-esprimojn de la aliaj, mi preskaŭ nenion menciu pri pozitivaĵoj de RET-04 (kiuj ja estis: realaj, pluraj kaj dankindaj), sed prefere koncentriĝu je tio, kio impresis min negative.

**Ĉu ekskursi aŭ ne ekskursi?** En la programo de RET estis speciala ekskursa tago. Kredeble la organizantoj deziris imiti la praktikon de Universalaj Kongresoj, eĉ la semajntago estis la sama – merkredo. Same kiel en UK, tiutage forestis aliaj gravaj programeroj. La ekskurso estis tuttaga kaj konsistis el vizito al kvar objektoj, situantaj en diversaj lokoj de Tiĥvin. Vere, en UK-oj oni ĉiam mendas ekskursojn aparte, ĉar ekskursi aŭ ne – ĉiu kongresano decidas mem. Sed en RET tio estis aranĝita iom alie.

En la aliĝilo koncerna demando forestis. La gvidprincipo de la entuziasmaj organizantoj estis: "Ekskursos ĉiuj". Tia aliro estas dubinda: la homoj estas diversaj, do estas neeble, ke ĉiujn egale interesus monaĥejoj, muzeoj, muziko kaj folkloro; krome ekzistas eĉ tiuj, kiuj ĝenerale ne ŝatas ekskursojn. Tamen eventualajn neekskursemulojn ĉi-foje atendis la situacio de "deviga libervoleco", bone konata al multaj el ni laŭ lerneja, pionirtendara aŭ soldatserva praktiko. Kompreneble, neniu estis pelata ekskursen per bastono, la rimedo estis simpla sed efika: por tiu tago oni abolis la tag- kaj vespermanĝon. Do ne ekskursi signifis ne manĝi dum diurno – por ĉiuj, krom la nemultaj memzorg-manĝantoj. La ceteraj vole-nevole aliĝis al la ekskurso: ja en la dua informletero mankis averto pri paŭzo en la organizita nutrado. (Cetere, la provoj aranĝi organizitan nutradon dumekskurse fiaskis: en la urbo oni manĝis duoneksspromte.)

Se oni, aranĝante plurobjektan busan ekskurson, zorgas pri oportuneco por la ekskursanoj, la buso estas mendata por la tuta ekskursa tempo, por ke ĝi veturigu ĉiujn de unu ekskursa objekto al la sekva. Niakaze estis alie: la buso matene venigis la ekskursanojn apud la unuan objekton kaj vespere venis al la lasta por forpreni ilin. Ĉiujn interobjektajn distancojn (ne malgrandajn) la ekskursanoj devis trapiedi. Sed ne por ĉiuj tio estis konvena: ja inter ni estis homo en aĝo pli ol 70 jaroj, estis familio kun etaj infanoj. Precipe kompate estis observi unu nian kolegon, al kiu estis tre malfacile piedmarŝi, tamen li stoike iris kun ĉiuj. Li estis bravulo, sed pri la organizantoj ĉi-kuntekste mi tion ne povas diri.

Iom pri la lingva dimensio de la ekskurso. Mi ĝis nun memoras plurajn regionajn renkontiĝojn, siatempe okazintajn diversurbe kun vere bonaj ekskursoj. La lokaj esperantistoj ne ĉiam sciis la lingvon perfekte, tamen strebis ne simple montri al la gastoj la plej interesajn lokojn de siaj urboj, sed fari la ekskursojn nepre en Esperanto. Ili longe kaj serioze preparis la ekskursojn, por ili tio estis afero de honoro. Sed kion ni spertis en Tiĥvin?



*eble estis la unua okazo, kiam urbestro venis al inaŭguro de rusia E-aranĝo*

Nu, pri la tria kaj la kvara ekskurseroj (piankoncerto por miksita publiko kaj spektaklo de neesperantista folklorensemblo) ne temas, ili principe ne povis esti en Esperanto. Sed pri la du ĉefaj vizitindaĵoj la unua informletero ja promesis, ke estos "ekskursoj kun esp[erantist]aj ĉiĉeronoj". Tamen en ambaŭ ekskursejoj la ĉiĉeronadoj estis ruslingvaj. Certe, mi bone komprenas la kialojn: kompili ampleksan E-tekston de ekskurso estas afero komplika, postulanta scion de fakterminoj; ĉiuj ekskursanoj komprenas ruse, do ĉu indas elspezi tiom da fortoj por eble unufoja E-ekskurso? (Vere, ĉe racia aliro al la afero oni povus reutiligi la tekston, ekz. artikole por "Scienco kaj Kulturo" aŭ "Monato".) Kaj eble ni eĉ ne konsideru tion malobservo de la lingva reĝimo de RET, ĉar la ekskurso okazis ekster la tendara teritorio. Nur unu aferon mi ne komprenas: kial la informletero misfanfaronis pri E-ĉiĉeronoj?... Do, mi ne estas ĝenerale kontraŭ ruslingvaj ekskursoj en niaj aranĝoj (kvankam certe preferus la E-lingvajn), sed ajnakaze estu observataj du nepraj kondiĉoj: unue, oni antaŭinformu honeste, en kiu lingvo estos la ĉiĉeronado; due, la homoj havu la eblon ne ekskursi sen damaĝo por la stomako.

**Ĉu gimnastiki aŭ ne gimnastiki?** Estis en la programo de RET aranĝo, pro nekompreneblaj kaŭzoj speciale atentata dum la matenaj kunvenoj. Ĉiutage oni fiksis,

kiom da homoj partoprenis en tiu programero, kaj komparis, ĉu la kvanto pliiĝis aŭ malkreskis kompare kun la hieraŭa tago. Pri kio do temis: ĉu pri ĉeftemaj prelegoj? aŭ pri speciala kurso por komencantoj (kie vere ne malutilus kontroli la frekventadon)? Nek tio nek alio: en la atentocentro estis… la matena gimnastiko. Sed kio estas la plej paradoksa: malgraŭ tia stranga intereso flanke de la tendargvidantoj, tiu ĉi programero pasis plejparte en la rusa lingvo… Kiu(j) do kulpis pri tio?

Pli supre (p.2) vi povis legi "... se li [ĉi-subskribinto. – *V.A.*] gimnastikus kun ni, pura Esperanto eksonus jam de la dua mateno...", kvazaŭ sole de mi dependis, en kiu lingvo estus sonintaj la gimnastikaj komandoj. Kial do la gimnastikantoj tiel akre bezonis mian ĉeeston (pri kio mi eĉ ne konjektis: sentante min libera tendarano, mi mem decidis, kiujn programerojn ĉeesti, kaj la gimnastikon facilanime ignoris)? Legu ni plu: "...multajn necesajn vortojn ni trovis per komuna serĉado en niaj kapoj". Sed tio signifas ja, ke la programero estis nepreparita! Se por la gvidantino, malgraŭ la 19-jara esperantisteco, estis problemo trovi iom da specifaj vortoj (kredeble ne pli ol dudekon aŭ tridekon), bezonataj por gimnastiki, – povus helpi pli spertaj klubanoj. Aŭ, ekstremokaze, en RET mem certe troviĝus spertaj lingvosciantoj. Kompreneble mi ne rifuzus helpi, sed neniu min petis! Kaj ne nur mi: inter RET-anoj estis ekz. kompilinto de vortaro. Sed la gimnastikanoj, evidente laciĝintaj ekspromtadi, elektis solvon komfortan, sed fuŝan: uzadon de la rusa.

Ĝuste tion mi rimarkis, hazarde preterirante la gimnastikejon du tagojn antaŭ la tendarfino. Por kelkaj minutoj mi haltis por certiĝi, ke mi ne misaŭdis pro la laŭta akompana muziko. Kaj mi bone aŭdis la tipajn ruslingvajn gimnastik-komandojn, sed eĉ ne unu E-vorton (al kiu lingvo apartenas "ap!", mi ne diskutu). Se sur mia loko estus flanka observanto, li neniel povus konjekti, ke la gimnastikantoj estas esperantistoj.

...Mi partoprenis plurajn E-tendarojn, en iuj la gimnastiko estis, en iuj (eble pli ofte) – ne, sed kiam ĝi estis, oni faris ĝin en Esperanto, tio estis afero memkomprenebla kaj eĉ ne diskutata. La sola (konata al mi, sed eble pli oftaj tendaranoj scias kromajn kazojn) kontraŭa ekzemplo estis OkSEJT-39, okazinta same en Tiĥvin. Tiam en la tendara programo svarmis diversaj psikaj trejnadoj, jogaj ekzercadoj, ritmaj gimnastikoj ks – ĉiuj en la rusa, kio kaŭzis profundan indignon de konsciencaj esperantistoj, bedaŭrinde neglektitan flanke de la program-respondeculoj. Kaj ĝuste por distanciĝi de tia mispraktiko estis konceptita RET kiel aranĝo de alta lingva nivelo, kie ĉio okazas nur en Esperanto.

Do mi konstatis, ke (diference de la ekskurso) centre de la teritorio de RET-04 okazis krokodilado ĉiutaga (vere, mi observis nur dum kelkaj minutoj, sed ja por juĝi pri la gusto de supo oni ne bezonas elmanĝi la tutan kaldronon) enkadre de oficiala ero de la tendara programo. Ĉu tio iel diferencis de la ĵus menciitaj balastaĵoj en OkSEJT-39? Kompreneble mi ne povis resti senreaga. Mi aliris kelkajn aktivulojn, kiuj proksimdistance jam estis atendantaj malfermon de la manĝejo, kaj rakontis pri tio, kion mi vidis, pli ĝuste – aŭdis. Mi rekte diris, ke okazas neallasebla fiaĵo, kaj pluraj min subtenis. Iu el ili ekz. diris, ke se la gimnastiko estus en Esperanto, li nur pro tio gimnastikus volonte, sed ĉar la gimnastiko okazas en la rusa, ĝi lin ne interesas. Sed estis ankaŭ alia opinio (bedaŭrinde, eĉ inter REU-estraranoj),

ke la gimnastiko estas afero teknika, samkiel ekz. matenmanĝo, kaj ne gravas, kiu lingvo estas dum ĝi uzata.

Kun tia rezonado mi neniel povis konsenti. Unue, la gimnastiko por ties partoprenantoj estas la unua programero de la tago, donata agordon por la tuta tago. Ĉu ruslingvaj komandoj povis agordi al posta persista uzado de Esperanto? Due, oni kreis precedenton, subfosantan la tutan lingvan atmosferon de RET: se iu provus riproĉi pro krokodilado malpli konsciencan kolegon, la lasta povus respondi: “Kial vi kroĉiĝas al mi, se oficiala programero okazas en la rusa?” – kaj estus prava.

Plia rezono por “pravigi” la krokodiladon: “plejparte gimnastikis komencantoj”. La argumento estas falsa, ĉar tiuj komencantoj (pri kiuj pli detale temos sube) venis gimnastiki kun mizera E-scio kaj, aŭdinte ruslingvajn komandojn, foriris same mizersciaj; sed se la komandoj estus en Esperanto, post dumsemajna ripetado ĉe ili enkapiĝus almenaŭ kelkaj pliaj E-vortoj.

Kiel ajn, mi ne “grumblis”, sed laŭte alarmis. Se tamen mia reago impresis kiel grumblado, tio signifas, ke mi protestis nesufiĉe energie. Sed mi ne estis sola, kaj la REU- kaj RET-gvidantoj ne povis ne reagi.



*ĉe la lignofajro*

Iom da antaŭhistorio. En RET-02 oni estis avertitaj informletere: “Ĉiuj programeroj okazos en Esperanto sen iuj ajn esceptoj”. Kaj tio estis strikte sekvata: kiam tendaranino volis prelegi ruse pro la nefirma E-scio, ŝi ricevis rifuzon, malgraŭ intereseco de la temo. En RET-03 tia averto ne estis formulita, sed reale ĝi estis observata: kiam evidentiĝis, ke en iu ĉiutaga programero oni, ĉu pro pigreco ĉu por oportuneco, transiris al la rusa, sekvatage tiu programero jam ne ekzistis en la programo. Ĉi-jare la averto mankis, sed ĝi devus esti subkomprenata, ĉar RET jam iĝis aranĝo tradicia, en kiu oni aplikas certajn principojn. Do mi proponis same forigi la gimnastikon el la programo, sed la tendargvidantoj agis pli liberalisme: ili simple insistis, ke oni tamen gimnastiku Esperante. Sed... restis jam nur la lasta tago. Pri la fakto, ke lastatage la gimnastikaj komandoj sonis en Esperanto, oni kontente anoncis dum la ferma ceremonio (kiu ĝenerale pasis en spirito de eŭforia laŭdado, sen eĉ ereto da kritiko), prezentante tion kiel ian atingon. Estas triste, se pri la normo oni parolas kiel pri fierindaĵo, sed pri la devio eĉ ne pardonpetas...

**Ĉu RET estas por ĉiuj aŭ ne por ĉiuj?** En la tendaro rimarkeblis granda grupo da peterburgaj komencantoj, kies lingva nivelo estis tre malalta. Ilia ĉeesto (pri vera patropreno ne povis temi) venenis la lingvan atmosferon de RET. Pri tio, ke parte pro ili oni gimnastikis ruslingve, jam temis. Krome, preskaŭ ĉiutage estis

bezono fari gravajn anoncojn, kiujn pro la nekomprenantaj fuŝkomencantoj oni nevole devis ripeti ruse – aŭ iam eĉ simple anoncis nur ruse…

Kun unu tia komencantino mi interparolis en Peterburgo, atendante en la stabejo de tieaj esperantistoj la buson al Tiĥvin (ĉi tie mi volonte rimarku, por ke mia artikolo ne estu plene negativisma, ke la busveturigo el kaj al Peterburgo kaj la restado en la menciita stabejo estis organizitaj senriproĉe). Ŝi tre miris aŭdi de mi, ke RET estas aranĝo de alta lingva nivelo: oni (evidente la kursgvidanto) diris al ŝi, ke la aranĝo estas "por ĉiuj". Pri ĉi-lastaj vortoj estis jam mia vico por miri. Sed poste mi relegis la informleterojn kaj konstatis, ke fakte nenio estas mirinda kaj la peterburganoj rajtis tiel opinii.

En la informleteroj de RET-02 kaj -03 oni povis legi la averton, ke RET estas aranĝo nur por tiuj, kiuj reale posedas la lingvon. Ĉi-jare en la informleteroj estis nenio simila. Kial? Ĉu simpla preterlaso, ĉu supozo ke eĉ sen averto oni jam scias pri tio, aŭ deziro allogi pli da tendaranoj senkonsidere al ilia nivelo? Se laste, la celo ne pravigis la rimedon: la cifero 70 partoprenintoj tutegale estas modesta. Mi preferus, ke estu eĉ 50, tamen veraj esperantistoj, sed ne tiuj, kiuj kapablas elbalbuti nur "Bone tagón" (tiun alparolon flanke de alia komencantino el Peterburgo mi memoros longe).

Pasintjare, esprimante la impresojn pri RET-03 (REGo № 4 (17), p. 4), mi atentigis, ke la lingva nivelo komencas fali, kaj proponis protekti estontajn RET-ojn kontraŭ krokodiloj. Bedaŭrinde tio restis voĉo de krianto en dezerto. Rezulte ni jam komparas ĉi-jare RET-on kun OkSEJT. Tio estas danĝera signo, ĉar, mi ripetu, RET-oj estis lanĉitaj ĝuste por ne ripeti la malbonajn flankojn de OkSEJT, inkluzive la lingvan. Sed la procezo de degenero, se ne haltigi ĝin, povas iĝi longa. Kun kio do ni komparados la lingvan nivelon de sekvaj RET-oj: ĉu kun tiu de EoLA? de StRIGo? de "Strelka"?..

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

---

## IJK-INTERAGADO



… Ĝi estis sendube la plej interesa renkonto dum mia vivo. Mi renkontis multege da (nun) geamikoj el diversaj landoj. Ekster Esperantujo mi tiujn ne havas. Ni neniel povis disiĝi, kaj enlitiĝis mi nur je la kvara aŭ kvina horo. Kiel kutime, mi okupiĝis pri koncertaj programoj. Ĉi-aranĝe al mi plaĉis emo de multaj artistoj al kunlaborado.

Muzikistoj de nia projekto "Atentema VU" muzikis kaj iom koncertis kun muzikistoj el la grupo "Perdita generacio". "Perdita generacio" estas internacia grupo, kiu ŝanĝas la konsiston de koncerto al koncerto, kio aldonas diversecon al sonado de la ensemblo. …La muzikistoj el Danio, Germanio, Italio – ĉiuj bonege scipovas uzi siajn muzikilojn (gitarojn,

violonojn, violonĉelon, klarneton, tamburon), multaj ankaŭ kantas.

Krom la programaj koncertoj mi memorfiksis la grandajn surplankajn noktajn “tusovkojn” (kunumadojn), dum kiuj multaj kantis, muzikludis, kreante diversajn ekspromtajn ensemblojn, kaj simple sidis interparolante kun geamikoj… kun glaso da teo, botelo da biero aŭ sen.

… Ĉe manĝejo iu italo subite aranĝis koncerton kun grandega tamburo, kiun li akiris en la afrika lando Malio… iu svedo akompanis lin per iuj feraĵoj.

Kostik Malasajev aldonis interagon en sian kutime solulan pantomiman prezenton, kaj ni vidis bonegan elpaŝon de la internacia teamo, kiun li instruis dum la kongreso.

Min tre ĝojigis Paŝa Korotenko, kiun lia nova bela gitaro inspiris krei novan muzikon, kaj mi kaptis grandegan ĝuon, akompanante lin per bongoj… dum mia animo suprenflugis tiom alte, ke preskaŭ apartiĝis de la korpo ekstaze…

Tre ĝojigis min ankaŭ Ĵomart kun Nataŝa per sia bonega nova blusa kanto “Mia bela sinjorino”.

Koncerne la koncertojn de “Atentema VU” – al mi ŝajnas, ke du “trancaj” koncertoj, kiuj trapasis nokte en “Orienta korto”, pli sukcesis ol tiu en la granda halo. Ambaŭfoje la malgranda ejo estis superplenigita, kaj nin de la spektantoj apartigis (kaj samtempe kunigis kun ili) nur flamo de starantaj apude kandeloj. La hejmeca atmosfero de ĉi loko, miksita kun medita etoso de nia muziko, kreis ion, kio malebligis forlasi la ejon eĉ post fino de la koncertoj…



*la projekto “Atentema VU” dum IJK-60*

Matene post unu el la koncertoj al mi aliris Seva Ĥrustaljov kaj diris: “Prenu min en vian grupon kun propra muzikilo” (en la manoj de la kvarjara muzikisto estis plasta botelo kun bruegantaj ene ŝtonetoj). Mi rememoris, ke antaŭ kvar jaroj en nia unua tiaspeca koncerto en Ivanova OkSEJT (la lasta libera OkSEJT) la dumonatan knabon la gepatroj laŭvice portis surmane, kaj mi timis, ke li subite krios kaj rompos la meditan etoson de la koncerto, sed mi eraris: la bebo aŭskultis nin atenteme kaj sensone…

Koncerne nian kantan koncerton… Ĝi estis drameca: Kostja Ĥlizov, kiu estis kantonta duonon de la programo, perdis la voĉon fine de OkSEJT; nia provludita en Krasnojarsko multvoĉaĵo iris al… Mi urĝe parkerigis pliajn tekstojn… Koncerttage subite venis al IJK Griŝa Arosev, kiu kantis kelkajn kantojn kun mi en 2002. Post kelkaj provludoj li bonege kantis dum nia vespera koncerto. En ĝi partoprenis ankaŭ Anja Morskaja (bongoj, kantado) el Krasnojarsko, Oksana Zvereva el Tverj

(ŝi aliĝis al ni dum la kongreso kaj post kvar provludoj kantis preskaŭ la tutan programon) kaj Kostja Ĥlizov el Krasnojarsko, kiu perdon de la voĉo decidis ĉiunumere kompensi per lingvo de gestoj kaj korpmovoj kaj unuafoje eĉ forgesis, ke li estas ankaŭ sufiĉe bona flutisto.

La dramecon de la koncerto plifortigis mia malbona kantado (ŝajne mi laciĝis pro multnombraj provludoj en la tago de la koncerto). Rezulte la plej bona kanto estis “Babilon’” (mia traduko de la kanto de B.Grebenŝĉikov, kiun mi faris kun helpo de Kostja, kiam nia trajno el Krasnojarsko subite haltis antaŭ Moskvo kaj pro tio malfruis je tri horoj). Dum la “trancaj” koncertoj nin helpis Paŝa Korotenko, kiu pasintfoje partoprenis en la kanta programo de la projekto.

… Eĉ Miŝa Povorin malsukcesis kanti sole: subite por ĉiuj dum lia kanto en la fina koncerto ĉe la mikrofono aperis lia dujara filo kaj komencis aktive partopreni kantplenumon, translokante la mikrofonon, brakumante patran femuron k.s. Rezulte la halo ridegis kiel dum la koncerto de Kostja Malasajev. Mi gratulas Miŝa-n kaj nin ĉiujn pro la naskiĝo de nova artisto (esperebl esperantisto).



*Mikaelo Povorin kaj la filo*

***Sergej Bozin (Krasnojarsk)***

---

## “VELURA SEZONO” RENASKIĜIS

En Jalta pasis la 10-a festivalo de E-kantoj “Velura Sezono”. Ĝin partoprenis ĉ. 90 personoj el Ukrainio, Rusio, Belorusio, Litovio, Svedio, Francio, Hungario, Japanio, Pollando, Usono (kaj eble pliaj, kiujn mi ne memoras).

Ekde la 9-a festivalo pasis 16 jaroj. Multego en la mondo ŝanĝiĝis... Sed la festivalo mem grandparte restis sama: ĝin ĉeforganizis Jefim Zajdman, helpata de membroj de la jalta E-klubo “Tero”; la programo ekster la koncerta tempo estis tre malstreĉa, multis interesaj ekskursoj, varma kaj alloga estis la maro.

La superstelo de tiu ĉi jaro estis JoMo: li dancigis la halon, en kiu ĉefe sidis esperantistoj; kaj li dancigis per sia vivoplena plenumo la kajon de Jalta, kie oni okazigis surstratan koncerton por la loĝantoj kaj gastoj de la urbo. Krom JoMo menciindaj estas kompreneble Pavel Korotenko (Slavjansk) kaj Pavel Moĵajev



*Pavel Moĵajev*



*Nataŝa Grigorjevskaja kun la filo*

(Simferopol). Mi mem unuafoje aŭdis kantojn de Pavel Moĵajev kaj atestas, ke li estas bonega kantisto. Estas tre bedaŭrinde, ke por li ne troviĝis koncerta tempo kadre de la ĉi-jara IJK en Kovrov. *(Fakte Pavel Moĵajev koncertis dum IJK, ne en la granda halo, sed en la alia, malpli granda ejo. – Red.)* El la "novaj talentoj" ege bonan impreson faris Nastja Kirillova (el Ivanovo, lernantino de Nataŝa Grigorjevskaja). Ŝajne la magia fonto de bonaj E-kantistoj en Ivanovo restas daŭre viva, jam pli ol dudek jarojn...

Krom la arta programo nepre necesas noti bonegan laboron de la gazetara servo, organizita de Ĵenja Zvereva (Kievo): mencioj pri la festivalo aperis en verŝajne ĉiuj krimeaj gazetoj, en kelkaj tutukrainiaj kaj tutsimple abundis en la retaj gazetoj. La jaltanoj mem dispendigis pli ol cent ruslingvajn afiŝojn pri "VS" tra la tuta urbo, sur la plej videblaj lokoj. Gravan organizan helpon por la festivalo donis Vladimir Soroka kaj la poltavanoj. Fakte, Jefim Zajdman eĉ konfesis, ke sen ties instigoj kaj subteno la festivalo eble eĉ ne renaskiĝus.

Sekvajare la festivalo estas planata proksimume en la sama periodo – inter la 10-a kaj 20-a de septembro. Kiel deklaras Jefim Zajdman, "Velura Sezono" strebos repreni la rolon de la ĉefa arta festivalo en eksa Sovetio, kiun ĝi iam senkonkure lasis al EoLA.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

---

Mi kaj Maŝa staras ĉe la fino de ondorompilo kaj atendas alvenon de la suno. Jam helas, sed la sundisko dume kaŝas sin post la surbordaj konstruaĵoj de la bazejo. Dima, Nastja kaj Lenka dormetas sur plaĝaj kuŝbenkoj. Ni ĵus venis ĉi tien per taksio de la komunloĝejo, kie kviete dormas ceteraj partoprenantoj de la festivalo.

En hieraŭo restis nia anima kompania trajnabusa-aŭta vojaĝo kun Maŝa kaj Dima, la surkaja porurba koncerto, al kies mezo ni venis, ĝoja renkontiĝo kun karaj amikoj, promenado laŭ la Jalta kajo, vespera kantado en la komunloĝejo. En hodiaŭa pasonto estas pluaj kaj pliaj promenadoj laŭ la kajo kun la aliĝinta al ni Sergeo Derevjanniĥ, surplaĝaj kunumadoj kun la esperantistoj, ĝuega naĝado en la ondoj de Nigra maro, danciga koncerto de JoMo en kulturdomo, kafejoj kaj drinkejoj. Longega, longega tago.



*Oĉjo*


*Maŝ(k)a*

Morgaŭ matene ni ankoraŭ naĝos en la maro. Adiaŭe. Mi kaj Dimka reiros al Moskvo la unuaj. La knabinoj tage vizitos kaj partoprenos komunan Esperant- kaj rus-lingvan (bardan) koncerton, Nastja kante ravos la publikon. Poste Maŝka kaj Sergeo forflugos Moskven, Nastja kaj Lenka iros al Ivanovo petveture. Sed nun…

Nun ni staras sur la ondorompilo kaj atendas la aperon de la suno. Jam rebrilas lumture kelkaj fenestroj en jaltaj domoj, estas hele kaj fantaste bone. Ni rigardas orienten, kaj niajn feliĉajn vizaĝojn tuŝas la unuaj sunradioj. La suno elgrimpadas po iom el-post la rokoj, kaj la konstruaĵoj, kaj ni naĝas en la kvieta maro. La akvo estas tiom diafana, ke videblas la fundo kelkajn metrojn sube, kaj al mi ŝajnas, ke mi ne naĝas, sed flugas alte super la tero: eĉ la spiro haltas.

Jam en Moskvo, legante "Noktan patrolon" de Sergeo Lukjanenko, mi trovis lokon, kie moskvaj Helaj magoj ludas, demonstrante unu al la alia bukedojn de konservitaj klimataĵoj: poststormeta Jalto, la 10-a de septembro, jaro 1972, ĉirkaŭ la 3-a nokte; tajga pluvo de 1913; tajfuno de 1940; printempa mateno en Jurmalo; vintra vespero en Gagro… Mi telefonis al Dimka kaj al Maŝa, rememorigis al ili tion. "Imagu, – daŭrigis mi, – iam mi telefonas al vi kaj diras: "Jaro 2004, la 18-a de septembro, "Velura sezono", Jalta plaĝo, ĉirkaŭ la 6-a matene". Kaj nenion pli. Tio sufiĉas. Kaj sur vin falas tuta animopleno de la sentoj, rememoroj, impresoj! Peskaŭ plenreale: la odoroj de la maro kaj surrokaj herboj, la varmo de la suno sur la vizaĝo, la malvarma, sed tre tenera brakumo de la marakvo, saltplaŭdoj de la ŝtondiskoj laŭ la ondetoj, krietoj de la mevoj… Kaj gravas, ke ni ajnmomente povas malkonservi tion kaj reĝui: tiom profunde impresiĝis ĉio."

***Oĉjo Ĉajka (Moskvo)***

*P.S. Maŝ(k)a = Marija Terjoĥina, Dim(k)a = Dmitrij Oŝĉepkov, Nastja = Anastasija Kirillova, Lenka = Jelena Alopina.*

---

## MOVADA "ERA"

*(28-30.01.2005, Ĉeboksari)*

Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko invitas esperantistojn el diversaj urboj partopreni en Esperanto-Renkontiĝo "ERA", kies temo estos "Movada": ni parolos pri roloj de persono kaj teamo en organizo, pri novaj ideoj kaj kiel ilin realigi. Ni invitas ĉiujn dezirantojn paroli pri movadaj someraj planoj, pri OkSEJT kaj IJK, kaj pri interkulturaj tendaroj, kiujn povas organizi esperantistaro por neesperantista junularo. Dank' al partopreno de Anatolo Gonĉarov ĉiu deziranto povos ekscii pri sistemevoluo (rigardu ĉi-sube la informon pri la semi-

nario “Esperanto kaj scienco”). Vespere por la seminarianoj kaj simplaj partoprenantoj estos organizita ripoza programo. La aliĝkotizo por partoprenontoj de “ERA” estas 50 rub., por tiuj, kiuj planas partopreni seminarion “Esperanto kaj scienco” – 130 rub. Unu tranokto kostos 100 rub., manĝado por unu tago – 100 rub.

Dezirantoj partopeni bv sin turni laŭ la adreso: 428000 Ĉeboksari, a/k 189; rete <e-centro@yandex.ru>. Kontaktaj telefonnumeroj: (8352) 315668, 562029 – Fedotova Aleksandra, (8352) 400411 – Konstantinov Anton, (8352) 648457 – Semjonova Irina.

***Ĉeboksara E-Centro***

## ESPERANTO KAJ SCIENCO

Estante sciencisto mi delonge rimarkis la ekziston de scienco kaj Esperanto apartaj. Ne aplikiĝas ene de Esperanto modernaj teorioj kaj malkovroj. Ekzemple, kiam mi ankoraŭ en 1989 dum ASE-Konferenco proponis restrukturigi la asocion laŭ la sistemteorie moderna kunagada sistemo, min absolute neniu subtenis. Sekvis ekde perestrojko grandaj perdoj en la rusia E-movado, kiuj ne estus okazintaj (kion mi pruvos dum la seminario) se la asocio restrukturiĝus laŭ miaj proponoj.

Mi proponas ekigi serion da seminarioj, kie ni studos diversajn E-movade aplikeblajn teoriojn kaj praktikojn. Kiel la unua okazos seminario pri la, nekomprenita siatempe, teorio de sistemevoluo. Ĝi okazos en Moskvo por la Centra regiono kaj en Ĉeboksari por la Urala kaj Siberia regionoj. Lerninte la teorion de sistemoj, vi komprenos multon ankaŭ en la ĉirkaŭanta vin vivo.

Al programisto diras la edzino:
– Karulo, iru en la magazenon kaj aĉetu salamon. Se ili havas ovojn, aĉetu dekduon.
La programisto alvenas magazenon:
– Ĉu vi havas ovojn?
– Jes.
– Tiam, bonvolu doni al mi dekduon da salamoj.

***(per-esperanto-humuro)***

La seminario en Moskvo okazos la 8-9-an de januaro, alveno la 7-an vespere kaj foriro la 10-an de januaro matene. La aliĝkotizo estas 300 rubloj, kiu kovras la instruadon, loĝadon (kun propraj littukoj) kaj multobligon de la disdonotaj materialoj. Kiuj noktumos ĉe aliaj adresoj, pagos 200 rublojn.

La seminario en Ĉeboksari okazos la 28-30-an de januaro enkadre de la aranĝo de Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko “ERA”. Pri la kondiĉoj kaj kontaktebloj de “ERA” legu en ĉi-supra informo. Prezo de la seminario kovras la instruadon, materialojn, organizadon. La 28-an de januaro komenciĝos jam la seminario, por la seminarianoj la tago de alveno estas la 27-a de januaro. La seminarianoj lernante la sistem-evoluan teorion ekzercos sin proponi novajn organizajn strukturojn por REU kaj por UEA. La seminarion gvidos Gonĉarov Anatolo. La sekvan post la seminario tagon por dezirantoj estos daŭrigo. Okazos prelegoj kun vastaj diskutoj pri la temoj: “Finvenkistoj kaj raŭmistoj – kiuj pravas aŭ ĉumeza vojo”, “Naciismoj en Esperanto – nenecesa komplikaĵo aŭ “bongusto”?”, kaj “E-identeco???”.

Dezirantoj lerni en Moskvo bonvolu sendi la aliĝilon (kun la indiko de nomoj,

jaroj de naskiĝo kaj esperantiĝo, poŝta adreso, retadreso, telefonnumeroj por urĝaj sciigoj, funkcioj en la movado (ankaŭ iamaj), deziroj por la seminario, dato kaj subskribo) al la adreso de la eldonanto de la revuo “Scienco kaj Kulturo”, ĉe kies redakcio okazos la seminario: Г.М.Шило, аб.ящ. 80, Москва, 125130; aŭ rete <anatolog@mail.ru>, tel. (095) 4594598 (de 9-00 ĝis 22-00) – peti Gonĉarov-on.

Dezirantoj lerni en Ĉeboksari bv sendi la aliĝilon laŭ la adreso de la organizantoj de “ERA”.

Pliaj detaloj kaj ĝustigoj pri la seminarioj estos sciigataj rekte al la aliĝintoj. Limdato por aliĝi al la seminario en Moskvo estas la 25-a de decembro, por tiu en Ĉeboksari – la 14-a de januaro.

***Anatolo Gonĉarov (Moskvo)***

---

## VOLGOGRADA SOMERA KRONIKO

Post la pasintaj en Volgograda regiono, unu post la alia, REK, EoLA kaj Lingva Festivalo en la vivo de nia klubo “Espero” sekvis ne tiom grandaj, tamen signifoplenaj por ni eventoj.



La 14-an de majo elementan E-kurson en la liceo № 4 finis Ksenija Lapŝina, Lena Lizukova, Miŝa Spicin kaj Ira Sagalajeva. Ili ekzameniĝis sukcese kaj solene ĵuris, ke uzos la lingvon, kie eblos. Poste estis ludoj, teumado en la rondo de niaj klubanoj. Ni kune planis nian E-someron. Gravis, ke tiuj ĉi geknaboj, ankoraŭ ne fininte E-kurson, jam partoprenis en EoLA, sentis ĝis la fundo la atmosferon de E-movado kaj ekdeziris aktivi en la klubo.

La 19-an de junio estis la tradicia por ni trans-Volg-iĝo. Antaŭ kelkaj jaroj ni eĉ noktumis en la tendoj trans Volgo, sed poste amaso da kuloj malebligis tiujn aventurojn. Post la tragika pereo de la gefamilianoj Miĥajlov-oj ni ekveturadis tien memore al Aleksandr Miĥajlov, lia edzino Nadeĵda kaj ilia filino Polina, dum lia naskiĝtago.

Ankaŭ ĉi-foje en la belega bordo ni bonege pasigis la tempon, ludante pilkon kaj badmintonon, aŭskultante la kantojn de Bronŝtejn.

Poste estis horo de rememoroj “Ni memoras ilin”. Tatjana Vtorova rakontis pri nia amikeco kun Ostrava E-klubo, kiun gvidis la forpasinta D.Kočvara. Valentina Spicina rememoris pri la plej aĝa aktivega entuziasmulo A.Ĵuravljov. Ljudmila

Bikova parolis pri Saŝa, Nadja kaj Polina Miĥajlov-oj. Ni rigardis iliajn fotografaĵojn kaj rememoris epizodojn de nia kluba vivo.




Certe, ni kuiris fiŝsupon sur lignofajro kaj teumis, dank' al nia ĉefa fajristo Eŭgeno Dumler.

La somero daŭris! Niaj klubanoj partoprenis en diversaj renkontiĝoj. Jen, la somero finiĝis, kaj ni kolektas E-rikolton.



Tri membroj de la klubo partoprenis en IJK-60 apud Kovrov. Ksenija Lapŝina kaj Vera Dumler kun admiro kaj granda entuziasmo rakontis, dum nia septembra kunveno, pri tiu sukcesa kongreso. Ili eĉ intencas viziti venontjare IJK-on en Pollando kaj UK-on en Litovio.

Tatjana Vtorova, la fondinto de nia klubo (en la fora jaro 1976), dum la tempo de IJK vojaĝis en Brition. Ŝi pasigis en Londono (kaj ne nur) 10 tagojn, vizitante ankaŭ Londonan E-klubon kaj reklamante nian urbon.

Ljudmila Bikova partoprenis en RET-04 en Tiĥvin. Ŝi estis ege impresita de la veteranoj de landa movado, enamiĝinte al ĉiuj por ĉiam, kaj de la alta lingva nivelo de tiu aranĝo. Ni gratulis ŝin pro la sukcesa ekzameniĝo dum RET.

La lasta tre agrabla por ni evento estas oficiala ekfunkcio (egalrajte kun aliaj rondetoj de la liceo) de E-rondeto kaj E-kurso en la liceo № 4. Ni esperas, ke en nian klubon venos junaj kaj aktivaj gesamideanoj.

***Valentina Spicina (Volgogrado)***

---

## UK-90: BONVENIGAJ VORTOJ

Nome de Loka Kongresa Komitato de la jubilea 90-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos la 23-30-an de julio 2005 en la ĉefurbo de Litovio Vilnius, mi havas honoron kaj respondecon bonvenigi vin ĉiujn al Litovio por partopreni en tiu ĉefa ĉiujara internacia esperantista manifestacio. Tamen tiu ĉi kongreso ne estos ordinara: ĝi estos jubilea, ĉar la 90-a, kaj multe pli grave – ĝi okazos 100 jarojn post la unua Universala Kongreso de Esperanto en 1905 en Boulogne-sur-Mer. Do,

en Vilnius ni kune festos 100 jarojn de Universalaj Kongresoj, 100 jarojn de egalrajta kaj demokratia internacia komunikado, 100 jarojn de aktiva dialogo inter kulturoj. Gravas ankaŭ tio, ke la sekvajara Universala Kongreso okazos en la lando, kiu estas tiel forte ligita kun la vivo kaj agado de la kreinto de Esperanto d-ro Ludoviko Zamenhof kaj kun ekesto de Esperanto ĝenerale, kaj kie estas tradicie forta Esperanto-movado. Litovio jam delonge meritas Universalan Kongreson, tamen pro historiaj kaŭzoj nur nun esperantistoj el ajna angulo de la mondo povos veni al siaj radikoj, al sia hejmo.

Litovio nur antaŭ 13 jaroj reaperis sur la mondmapo. Nun ĝi energie kaj vigle evoluas kaj kuraĝe eniras la tutmondan komunumon. Tamen ĝi havas longan historion, antikvan lingvon, unikan kulturon, belegan naturon. Ĝia ĉefurbo Vilnius estas malnova kaj samtempe moderna multnacia kaj multkultura Eŭropa urbo, kiu famas pro sia unika malnova urboparto, pro la nuna impeta kaj rapidega evoluo, pro toleremo al ĉiuj kulturoj, nacioj, lingvoj, pro gastamaj kaj bonvolemaj homoj. Nian ĉefurbon nun ofte oni nomas simbolo de nova Eŭropo.

Loka Kongresa Komitato kaj Litova Esperanto-Asocio faras multe jam nun kaj faros ĉion eblan estonte, por ke la Universala Kongreso en Vilnius, kiel jubilea tutmonda esperantista forumo, estu ankaŭ eksterordinare grava, interesa, utila kaj memorinda evento por vi ĉiuj. Ni kune helpe de Litovia Registaro, urba municipo de Vilnius kaj aliaj litovaj ŝtataj instancoj strebos, ke vi ĝuu la urbon, la landon, la kongreson kaj ekhavu dum la kongreso la plej belajn impresojn pri via gastado en Litovio. Ni en Litovio konsideras Universalan Kongreson de Esperanto kiel eventon de landa graveco kaj dediĉos ĉiujn niajn fortojn kaj kapablojn por sukcesigi ĝin. Ni deziras, ke ankaŭ laŭ kvanto de partoprenantoj tiu ĉi kongreso estu rekorda. Por litovaj esperantistoj la venonta Universala Kongreso estas kaŭzo ankaŭ por ĝenerale progresigi litovan Esperanto-movadon ĉiudirekten.

Do, bonvenon al Vilnius, bonvenon al Litovio! Ni kune fortigu nian solidarecon, progresigu nian movadon, studu ĝiajn problemojn.

***Povilas Jegorovas***
***Prezidanto de Loka Kongresa Komitato***
***Prezidanto de Litova Esperanto-Asocio***

En la usona senato okazas debato pri estonto de Irako. Senatano-respublikano diras:

– Ni donacu al Irako nian konstitucion, ĝi jam estas aprobita, funkcias dum pli ol 200 jaroj!

– Jes, ĝuste, – diras senatano-demokrato. – Des pli, ke ni jam ne plu uzas ĝin.

***(per-esperanto-humuro)***

---

Dank' al laboro de Aleksandr Osokin (Sankt-Peterburg) komencis realiĝi la projekto pri aperigo de REGo en la reto. Ĉe la adreso <http://www.reu.ru/rego/> jam troveblas plene kelkaj lastaj numeroj de la gazeto. Iom post iom estos enretigataj ĉiuj aliaj numeroj. ***(Esperanto-rus-informoj)***

## EKZAMENOJ DE ĈALK

Dum RET-04 en Tiĥvin okazis ĈALK-ekzamenoj de ĉiuj niveloj. La superan (C-nivelan) ekzamenon, fariĝinte diplomita instruisto de Esperanto kaj Esperanta kulturo en ĉiunivelaj kursoj, kun la noto "bone" plenumis Bronislav Denisoviĉ Ĉupin el Iĵevsk. La mezan (B-nivelan) ekzamenon, ricevinte diplomojn de instruistoj de elementnivelaj kursoj, sukcese faris du personoj – ambaŭ kun la noto "bone" – Anatolo Sidorov kaj Mikaelo Kolodin (ambaŭ el Peterburgo). Ses personoj ekzameniĝis pri kono de Esperanto, plenuminte postulojn de la A-nivela ĈALK-ekzameno: Varvara Muraŝova (Peterburgo) – perfekte, Dmitrij Osipov (Moskvo) – perfekte, Jevgenija Berger (Tiĥvin) – perfekte, Oljga Tiĥomirova (Tiĥvin) – bone, Ludmila Bikova (Volgograd) – bone, Anton Kirjakov (Tiĥvin) – kontentige.

La 14-an de oktobro, en Moskvo okazis A-nivela ekzameno de ĈALK (ekzamenis I.Gonĉarova kaj N.Gudskov). Sukcese faris la ekzamenon, kun la noto "perfekte", Maksim Ĵitĉenko. Estas interese kaj grave, ke li lernis la lingvon aŭtodidkte, kun pasiva uzo de interretaj lecionoj.

## LA MEMBRARO DE UEA FORTE KRESKAS

Provizora statistiko fine de aŭgusto montras, ke post kelkjara malkreskado la membronombro de UEA turniĝis en senteblan kreskon. La malkresko ĉesis jam pasintjare, kiam UEA havis je unu individua membro pli ol en la jaro 2002, dum la nombro de aligitaj membroj jam tiam klare kreskis kaj superis per 715 la nombron de la antaŭa jaro. Fine de aŭgusto 2004 UEA nombris 5615 individuajn membrojn, kio superas per 167 la nombron je la sama dato en 2003. Rimarkinde estas, ke la nombro de aligitaj membroj jam nun estas je 606 super la definitiva rezulto en 2003, kvankam kvin asocioj ankoraŭ ne pagis la kotizon. Surbaze de la ĝisnuna evoluo la Centra Oficejo antaŭvidas, ke la suma kresko de la membraro de UEA en tiu ĉi jaro estos ĉ. 1000. Ĝojiga detalo estas, ke unuafoje de post 1997 ree plimultiĝas junaj individuaj membroj. Fine de aŭgusto la junulara sekcio TEJO arigis 419 individuajn membrojn, kio jam superas per 20 la definitivan nombron en 2003. Kompare kun la fino de aŭgusto 2003 la junaj membroj plimultiĝis eĉ per 64. Kreskas ankaŭ la populareco de la revuo "Esperanto", dum la nombro de membroj kun Jarlibro ankoraŭ estas sub tiu de la pasinta jaro. Ĉar la nombro de unuamondaj aliĝintoj al la ĉi-jara UK estis apenaŭ duono de la pasintjara nombro, la Jarlibra kategorio ne profitis de la t.n. kongresa efiko. Ke eĉ sen la kongresa efiko la membraro forte kreskis, estas aparte ilustre. Tio promesas, ke temas ne pri hazarda fenomeno, sed pri komenco de nova solida kresko de la Asocio.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 185)***

## MEMBROJ DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Okazis la elekto de triono de la membroj de la Akademio plus anstataŭ unu membro intertempe mortinta. La membroj elektitaj por 9 jaroj estas: Dao Anh Kha, Perla Ari-Martinelli, Marc Bavant, Marjorie Boulton, Gbeglo Koffi, Michel Duc Goninaz, Ottó Haszpra, Anna Löwenstein, Carmel Mallia, Sergej Pokrovskij, Otto Prytz, Flavio Rebelo, Francisko Simmonet, Amri Wandel, John Wells, Xie Yü-ming.

Ĉiuj membroj estas nun:

*Dao Anh Kha, Perla Ari-Martinelli, Aŝvinikumar, Marc Bavant, Gersi Alfredo Bays, Vilmos Benczik, Gerrit Berveling, Werner Bormann, Marjorie Boulton, André Cherpillod, Renato Corsetti, Probal Daŝgupto, Edwin de Kock, Gbeglo Koffi, Michel Duc Goninaz, Miguel Gutiérrez Adúriz, Ottó Haszpra, Christer Kiselman, Boris Kolker, Ilona Koutny, Erich-Dieter Krause, Sergej Kuznecov, Li Shijun, Jouko Lindstedt, François Lo Jacomo, Anna Löwenstein, Carmel Mallia, Geraldo Mattos, Stefan Maul, Carlo Minnaja, Brian Moon, Andrzej Pettyn, Sergej Pokrovskij, Otto Prytz, Baldur Ragnarsson, Flavio Rebelo, Francisko Simmonet, Trevor Steele, Spomenka Štimec, Humphrey Tonkin, Amri Wandel, John Wells, Bertil Wennergren, Xie Yü-ming, Seikô Yamasaki.*

***Renato Corsetti, Sekretario de la Akademio de Esperanto***

## REU-KOTIZOJ POR LA JARO 2004

50 rubloj (por eksterrusianoj – 5 eŭroj) – ***individua kotizo*** (la membrokarto, Jarlibro de REU, REU-bulteno kaj aliaj informoj de REU, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1250 rub. (por eksterrusianoj – 125 eŭroj) – ***dumviva kotizo*** (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – ***familia kotizo*** (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

100 rub. + 25 rub. por ĉiu aligita membro (ne malpli ol 5; krom individuaj membroj de REU) – ***kolektiva kotizo*** (po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliaj informoj de REU por la kolektivo; la membrokartoj, voĉdonrajtoj en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj).

*La rabatita abono de REGo por ajna individua membro de REU (inkluzive la dumvivajn kaj familiajn, sed ne por la aligitaj) en 2004 kostos 100 rublojn (por la eksterrusianoj – 12 eŭrojn). La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003 (kaj tial ilia kotizo enhavis la koston de REGo), plu ricevados REGon sen aldona pago. Aliaj dumvivaj membroj (kies kotizo ne inkludis la koston de REGo) por ricevi la gazeton devos pagi ĉiujare la rabatitan abonkoston.*

***La rublaj kotizoj sendendas al: Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская обл.; la eŭraj kotizoj pagendas al la konto reua-p ĉe UEA.***

# Eksciu, ke...

## ESTAS FORMITA NOVA REJM-KOMITATO

Ĝin konsistigis (konforme al la decido de REJM-konferenco) reprezentantoj de la kluboj el diversaj urboj: Oksana Burkina (Sankt-Peterburg), Konstantin Ĥlizov (Krasnojarsk), Anton Konstantinov (Ĉeboksari), Anatolij Krasnokutskij (Volgograd), Irina Semjonova (Ĉeboksari), Valentina Sidorova (Moskvo).

## AROMA JALTO 2005

*la 17-a Esperanto-festivalo*

Jalto printempe estas io eksterordinara. Vekiĝanta montaro, verdiĝanta arbaro, freŝaj herboj, aromoj de floroj kaj senlima blua Nigra maro. Muĝo de ondoj, forkurantaj al horizonto, varmaj ŝtonoj kaj printempa karesa suno, varmiganta la animon kaj la koron. Jalto printempe estas la renkontiĝo de geamikoj, kiujn kunligas komuna lingvo, similaj interesoj kaj frateca etoso. Jalto printempe estas paradizo sur Tero, kiu vizitendas, almenaŭ unufoje dum la vivo.

Loko: Krimeo, Jalto – la plej populara kaj fama kuracloko de Ukrainio.

Tempo: 30.04 – 09.05.2005.

Loĝado: En 2-litaj ĉambroj kun lavabo, necesejo kaj duŝejo, kontraŭ 6 eŭroj diurne. En 3-litaj ĉambroj kun lavabo, necesejo kaj duŝejo, kontraŭ 5 eŭroj diurne. En 4-litaj ĉambroj kun lavabo kaj necesejo, kontraŭ 4 eŭroj diurne. En 5-litaj ĉambroj sen luksaĵoj, kontraŭ 3 eŭroj diurne. Loĝado ne estas ebla sen nutrado.

Nutrado: En la sama ripozejo, 3-foja, kontraŭ 3,5 eŭroj tage.

Programo: Seminario por Esperanto-instruantoj; seminario de “Interkulturo”; diversgradaj lingvaj kursoj; Universitato; lingva prezentado; ekskursoj, piedmarŝoj; koncertoj; KGS; ludoj…

Lingva ordo – tradicie severa. Nulaj komencantoj ne estas akceptataj. Dum la registrado ĉiu devas respondi simplajn demandojn.

Aliĝkotizo por rusianoj: ĝis la 1-a de marto 2005 – 6 eŭroj, surloke – 10 eŭroj. Kontribuantoj al la programo havos rabaton laŭ interkonsento.

La aliĝilon kaj aliĝkotizon bonvolu sendi al Volodimir Hordijenko ĝis la 1-a de marto 2005 laŭ la adreso: p/k 35, Kievo-133, UA-01133, Ukrainio. Por kontaktoj kaj informoj: tel. (044) 2951701; retpoŝto <volodimir_h@ukr.net>; ttt-ejo: <www.aromajalta.by.ru>.

La duan informleteron ricevos aliĝintoj. Bonvenon, E-parolantoj!

***(Esperanto-rus-informoj)***

– Kial oni inventis blankan ĉokoladon?
– Por ke ankaŭ la nigruloj malpurigu siajn buŝojn.

***(per-esperanto-humuro)***

## KONGRESO DE EŬROPA ESPERANTO-UNIO

Inter la 25-a kaj 30-a de aŭgusto okazis en Bilbao (Baskio, Hispanio) la 6-a Kongreso de EEU. Partoprenis 284 kongresanoj el 24 landoj. Estis akceptita nova statuto de EEU, post kies registro en Bruselo povos aliĝi novaj landoj de EU. Estis akceptita la invito de maribora urbestro Boris Soviĉ, ke la sekva kongreso okazu aŭguste 2007 en Maribor, Slovenio. La komitato elektis novan sekretarion – Zlatko Tiŝljar. La akceptita en la Kongreso Rezolucio de Bilbao interalie invitas EU-parlamentanojn establi interpartian grupon pri lingva egalrajteco. Okazis pluraj interesaj prelegoj, kulturaj programoj kaj ekskursoj.

***(NUN)***

## KALUGA – MARSO… KUN ESPERANTO




Estas jenaj novaĵoj el la urbo de Ciolkovskij. En vica almanako de kalugaj verkistoj estas publikigitaj mallongaj humuraĵoj de Vladimir Ĉernov. La redakcio menciis la esperantistecon de la aŭtoro, akcentis tiun fakton, ke unu el liaj libroj estis verkita en Esperanto. Temas pri "Sentoj kaj argumentoj".

Dua novaĵo: la Ŝtata muzeo de kosmo preparis ekspozicion pri K.Ciolkovskij, kosmo kaj interlingvaj problemoj. Estas peto al E-veteranoj en Rusio kaj tutmonde – bonvolu sendi ĉion taŭgan por la afero: presaĵojn (kopiojn) en E-o kaj naciaj lingvoj, fotojn, faktojn, rememorojn. La afero gravas, ĉar la muzeo estas vizitata de kosmonaŭtoj, astronaŭtoj, sciencistoj, ŝtatestroj. La materialojn bonvolu sendi al: 248000, Kaluga, str. Koroljova 2, Muzeo de kosmo, Arĥipceva Jelena.

Tria novaĵo: "Libera Esperanta Teritorio" apud Kaluga vere ekzistas. Malgraŭ videbla skeptikemo flanke de esperantistoj, mi miras pri optimismo de la "bienulo" Petro Sjutkin. Li ankoraŭfoje alvokas: dezirantoj loĝi (fakte Apudmoskve!), labori, ripozi, praktiki Esperanton, bonvolu viziti lin ajnsezone. Eblas periode kaj konstante. Estas invitataj unuavice profesiaj kaj amatoraj konstruistoj, farm- kaj agrikulturistoj. Kaj estonte – ĉiuj turistoj. Arbaro kun fungoj, suno kaj pluvo – somere, modera frosto kaj neĝo – vintre vin atendas. La poŝtadreso estas: 248012, Kaluga, str. Moskovskaja 313 – 71, Sjutkin Pjotr.

***Vladimir Ĉernov (Kaluga)***

## ALTAJO MONTA, ALTAJO EBENA

Plurfoje mi sukcesis viziti Altajon. Nur ege bedaŭris mi, ke ne bonŝancis partopreni en unu el la plej sukcesaj tendaroj – la 10-an SEJT-on, kiu okazis ĉe la lago Teleckoje. Ĉiufoje, kiam mi estis en Altajo, mi estis nur en ties ĉefurbo, en Barnaul. Kaj kiom da onidiroj mi aŭdis pri la beleco de la monta Altajo, pri ĉarmaj lagoj kun ege malvarma akvo, pri arbaroj kaj kampoj, kiuj riĉigis lokajn loĝantojn.

Do, kiam ektemis pri la okazonta perbicikla vojaĝo tra la vojoj de Altajo, mi preskaŭ ne hezitis, sed tuj komencis anticipe min prepari al tiu vojaĝo. La ĉeforganizinto – nederlandano Ivo Miesen konstante informadis min pri novaj kaj novaj momentoj de la estonta vojaĝo. Ankaŭ pri eventuala konsisto de la grupo.

Finfine evidentiĝis, ke la grupo de partoprenantoj konsistas el tri personoj – la organizanto mem (Ivo, lin mi konas bonege ekde 1992), la rusiano Aleksej Kozlov el Niĵnij Novgorod (lin mi iom konis dank' al la pasintjara biciklado el Ĥarkiv al Astraĥanj, kiun mi mem ne partoprenis, sed bonvojaĝigis la grupon en mia urbo), kaj la tria estis reprezentanto de ankoraŭ unu lando, Ukrainio – jes, vi ne eraris, estas ĝuste mi. Vere internacia grupo! La starto okazis la 22-an de julio el Barnaul.

Eble ne estos tro interese, se mi rakontos pri la ĉiutaga vojaĝo, pri niaj haltoj, noktumejoj, bataloj kontraŭ kuloj kaj kontraŭ malpuraĵoj. Estus bone scii, ke entute nia grupo traveturis iom malpli ol 2000 km laŭ la parte ege malfacilaj vojoj de Altajo monta (respubliko Altajo). Precipe "pezaj" estis du tagoj meze de la vojaĝo, kiam de la loĝloko Tjungur ĝis la vojo "Ĉujskij trakt" (ĉirkaŭ 60 – 75 km) ni veturis-paŝis (ne estas eraro, ĉar vere duonon de la vojo veturi tute maleblis!) du plenajn tagojn. Fakte tiu parto min plene senfortigis, kaj mi estis devigita lasi la grupon kaj daŭrigi la vojon sola, iom kurtiginte ĝin.

Al la legantoj ĉiam estas interese scii, ĉu estis malhelpoj (krom du krevoj de miaj pneŭmatikoj nenio terura okazis). Kaj certe ŝatus la legantoj vidi bildojn pri la vojaĝo. Ni sukcesis fari amason da fotoj. Sed ili ankoraŭ ne estas pretaj. Krome, en la revuo spekti ilin ne estos tiom bone, iom poste la fotoj aperos en Interreto. Mi ŝatus simple atentigi la legantojn, ke krom tiom kuraĝaj biciklistoj kiel Zef (legu pri lia vojaĝo en la 4-a numero, p. 29-30) estas inter esperantistoj ankaŭ aliaj biciklistoj, kiuj preskaŭ samperiode aranĝas nu ne tiom longdaŭrajn, sed same interesajn vojaĝojn.

***Dmitrij Cibulevskij (Ukrainio)***

## RADIOARKIVO.ORG – 1000-a ENARKIVIGITA RADIO-ELSENDO

Lanĉita je la fino de 2003, Radioarkivo.org celas sonregistri kaj stokigi en interreta arkivujo esperantlingvajn kaj Esperant-temajn radio-dissendojn, por ke ĉiuj povu aŭskulti ilin kiam ajn kaj kie ajn, laŭvole. Eble estas taŭge, ke la 1000-a elsendo estas malnova dissendo de Radio Havano Kubo, la unua esperantlingva dissendo, kiun mi surbendigis antaŭ preskaŭ 12 jaroj (decembro de 1992). En tiu epoko la interreto ne ekzistis en la formo kiun ni konas hodiaŭ. Fakte, en 1992 la komputila sondosier-formato MP3 ekzistis preskaŭ nur surpapere.

Hodiaŭ, septembre de 2004, el la arkivujo ĉe <http://www.radioarkivo.org/>

oni povas elŝuti pli ol 614 horojn de Esperantaj programoj (4400 megabajtojn) de 24 elsendantoj. Per la formato MP3 oni povas facile aŭskulti ĉe la komputilo en la hejmo aŭ oficejo. Oni povas kopii al kompakta disko aŭ portebla MP3-diskilo kaj aŭskulti Esperanton ĉiutage en aŭtomobilo, vagonaro, sur biciklo... kie ajn. Mi volas danki vin, geaŭskultantoj, pro la sukceso de la arkivujo. Aparte, kaj eĉ pli grave, mi volas danki la elsendantojn, kiuj faradas la programojn kaj permesas al mi kopii kaj plusendi la dissendojn.

Mi esperas, ke mi povos sendi denove similan informon je la okazo de la 10000-a dissendo enarkivigita ĉe Radioarkivo.org.

***Scott Redd (Usono)***

## NEFORGESEBLA RENKONTIĜO ĈE VOLGO

Proksimiĝis la meznokto. Nia grupo, konsistanta el 10 membroj de Esperanto-klubo "Verda velo" (Rostova reg.), senpacience atendis sur la kajo de la ĉefa Rostova stacidomo la trajnon "Adler-Jekaterinburg". Ĝi alvenis ĝustatempe, kaj ni finfine envagoniĝis, iom bruante dum serĉado de niaj lokoj. Post 30 horoj nia trajno atingis la urbon Samara, kie nin jam atendis (malgraŭ tre frua mateno) la prezidanto de la loka E-klubo "Velo" Igorj Fejgin. Kun granda atento kaj komplezemo li akompanis nin al la staranta apud la stacidomo aŭto "Gazelj". Post duonhora veturo nia grupo atingis la porblindulan lernejon, kie ekde la 21-a ĝis la 26-a de junio okazis la vica somera renkontiĝo de nevidantaj esperantistoj, la membroj de REAN (Rusia Esperanta Asocio de Nevidantoj).

En la lernejo nian grupon renkontis Rimma Ivanovna Koĉergina, ĉefa organizantino kaj mastrino de nia renkontiĝo, kune kun volontuloj el la E-klubo "Velo". Je la 3-a posttagmeze okazis solena malfermo de la renkontiĝo, en kiun partoprenis pli ol 50 nevidantaj esperantistoj el preskaŭ 20 urboj de Rusio, kaj ankaŭ ĉeestis kelkaj eksterlandanoj. Kiel kutime, en la sama tago okazis Interkona vespero, dum kiu nia grupo salutis la organizantojn kaj ĉeestantojn per versoj kaj kantoj en Esperanto.

La sekvontan tagon multaj dezirantoj veturis al la bordo de Volgo kaj perŝipete trafis verdan insulon. La vetero dum ĉiuj tagoj estis bonega, vere somera, kaj ĝojigis nin la karesanta, konstante hela suno.

Tre interesa estis la vespero, dediĉita al nia nevidanta rostova poeto Miĥail Antonoviĉ Ŝĉerbinin, kiu verkas Esperante kaj ruslingve. Dum tiu vespero sonis multnombraj liaj versaĵoj kaj kantoj, komponitaj laŭ liaj tekstoj de nia komponisto, kantisto kaj akordion-ludanto Valerij Petrenko.

La 24-an de junio antaŭtagmeze niaj gastigantoj organizis 4-horan ekskurson tra Samara. La urbo tre plaĉis al la ekskursanoj pro ĝiaj vastaj rektaj stratoj, plenaj de verdaĵoj kaj rimarkindaj historiaj lokoj. Vespere ĉiuj partoprenantoj kun granda plezuro aŭskultis la elpaŝon de Samara bardo-esperantisto Anatolij Radajev.

Ĉiutage post matenmanĝo funkciis diversnivelaj lingvaj kursoj. Okazis ankaŭ multaj aliaj programeroj.

La 25-an de junio pasis la Adiaŭa vespero kaj aranĝita de la mastroj bankedo.

***Galina Ŝalamova (Rostova reg.)***

## LA 1-A KANALO FILMAS SERIARON PRI ESPERANTO

Kiel vi scias, en 2002 aperis la romano "Kazaroza" de unu el la plej popularaj nuntempaj verkistoj Leonid Juzefoviĉ. Ĉefaj eventoj de la romano okazas en E-klubo en 20-aj jaroj de la pasinta jarcento (vidu la recenzon de Viktor Aroloviĉ en REGo № 6(13), 2002). Evidentiĝis, ke nuntempe la 1-a televidkanalo filmas seriaron laŭ tiu romano. La scenaron skribis mem Leonid Juzefoviĉ, en la filmo rolas multaj konataj aktoroj, ekz. Oksana Fandera, Vladislav Galkin, Viktor Verĵbickij. Estas planate, ke la filmo estos kvarseria, eble unue aperos ankaŭ kinovarianto. La montrado okazos plej frue dum la sekva aŭtuno. Evidente post la filmo aperos ondo de intereso al Esperanto flanke de la televidŝatantoj. Ĉiuj ennaturaj partoj de la seriaro jam estas filmitaj en Kostroma, la pavilonaj filmadoj pasos en Moskvo. Dum la filmado en Kostroma la televidistoj trovis tie Aleksej Kuznecov kaj konsultis lin pri tradukado al Esperanto kaj pri E-prononcado. Aleksej uzis la okazon por intervjui Leonid Juzefoviĉ pri la filmo kaj la romano, pri lia rilato al Esperanto k.t.p. La intervjuo aperos en la sekva numero de REGo.

## IMPETA AŬTUNO

Komence de septembro la eldonejo "Impeto" aperigis 56-paĝan libreton "Lingua Latina est mater linguarum Europae" (multlingva lerneja vortaro). La magra vortareto estas kuriozaĵo, ĉar en ĝi Esperantajn vortojn akompanas konataj familinomoj de Luĵkov, Abramoviĉ kaj ceteraj.



Jam pretas la eldonkvantoj kaj estas aĉeteblaj "Rusa-Esperanta vortaro" (kompilita de la eldonejo mem), enhavanta 15 500 vortojn kaj ĉ. 37 000 nociojn en Esperanto kaj la 3-a (senŝanĝa) eldono de la lernolibro de Abduraĥman Junusov.

Estas transdonita al presejo nova traduko de M.Bronŝtejn el fratoj Strugackij "La loĝata insulo". La ampleksa romano (304 paĝoj) aperos komence de novembro. *(En tiu ĉi numero de REGo vi povas legi fragmenton el la nun farata de Mikaelo Bronŝtejn traduko de sekva eldonota verko de fratoj Strugackij "Lundo ekas sabate". – La red.)*

La eldonejo subskribis kontrakton kun Sergej Lukjanenko pri eldono de liaj verkoj en Esperanto. Malfermos la vicon "La nokta patrolo".

Ekde la somero la reta adreso de “Impeto” estas jena: <impeto@rusio.ru>; interreta butiko: <http://www.shop.rusio.ru>; la poŝta adreso: Rusio, 117593, Moskvo, p/k 20.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## “ĈERIZA ĜARDENO” EN ESPERANTO




***Anton Ĉeĥov. Ĉeriza ĝardeno:*** *Rakontoj, noveloj kaj dramoj. – Kaliningrado: Sezonoj, 2004. – 352 pagoj, 400 ekz. – Serio “Rusa literaturo”, volumo 10.*

*Tradukis: Aleksej Birjulin, Aleksander Korĵenkov, Viktor Kudrjavcev, Valentin Melnikov, Andrej Parfentjev, Anna kaj Mati Pentus, Tatjana Vŝivceva, Vladimir Vyĉegĵanin, Aleksandr Zagvazdin.*

*Provlegis: Michel Duc Goninaz, Sten Johansson, Wolfgang Kirschstein, Chris Long, Daniel Luez, Perla Martinelli, Gonŝalo Neves.*

*Kompilis, redaktis kaj komentariis: Aleksander Korĵenkov.*

*Korektis: Halina Gorecka.*

Ekde 2000 “Sezonoj” ĉiujare eldonas unu ampleksan libron el la rusa klasika literaturo: “Resurekto” de Tolstoj (2000), “Malvivaj animoj” de Gogol (2001), “Blankaj noktoj” de Dostojevskij (2002) kaj “Rusa novelaro. La 19a jarcento” (2003).

Ĉi-jare aperis, okaze de la 100-a mortodato de Anton Ĉeĥov, jubilea kolekto de Anton Ĉeĥov “Ĉeriza ĝardeno”. Ĝi enhavas tradukojn de 36 rakontoj, noveloj kaj dramoj de Ĉeĥov, inter kiuj estas jam klasikiĝintaj “Sveda alumeto”, “Dika kaj magra”, “Ĥameleono”, “Ĉevala familinomo”, “Ivaĉjo”, “Enua historio”, “La homo en ujo”, “La damo kun hundeto”, “Urso” kaj la titola dramo “Ĉeriza ĝardeno”.

En la retpaĝaro de “Sezonoj”/”La Ondo de Esperanto” estas legeblaj 13 rakontoj kaj noveloj de Anton Ĉeĥov kaj lia konciza biografio. Legu en <http://www.esperanto.org/Ondo/Chehov-b.htm>.

La libro “Ĉeriza ĝardeno” estas aĉetebla en la Libroservoj kaj rekte ĉe la eldonejo <sezonoj@gazinter.net>. Prezo por Ruslando – nur 199 rubloj (plus poŝtelspezoj). Agrablan legadon!

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## ESPERANTAJ KOMPAKTDISKOJ EL ŜUMERLJA

Aperis sonlibro kun scienc-fikcia romano “La kaptita Universo”, verkita de Harry Harrison kaj tradukita de mi. La romano estas voĉlegita de la tradukinto. La sono estas registrita en la formato mp3 kaj entute daŭras 7 horojn 41 minutojn. Supozeble la sonlibro povus esti utila por komencantoj, blinduloj kaj por tiuj, kiuj




volas "legi" okupiĝante paralele pri aliaj aferoj.

Aperis ankaŭ la dua versio de KD "Esperanto XXI: 2004". En ĝi estas pli da elektronikaj E-vortaroj, aldoniĝis registroj de la koncertoj de Sergej Bozin kaj de la sveda-dana grupo "Perdita generacio", faritaj dum IJK-60, kaj kolekto de 200 bonkvalitaj ciferaj fotoj de la kongreso. Tiuj materialoj anstataŭis parton de la antaŭaj sonmaterialoj (koncertoj de RET-02, paroladoj de eminentuloj).

La diskoj (ankaŭ "Vivaj koncertoj", pri kiu aperis la informo en antaŭa REGo) estas mendeblaj ĉe Grigorjevskij Andrej Anatoljeviĉ, str.Lenina 40 – 14, 429120 Ŝumerlja, Ĉuvaŝio. Unu ekzemplero de ĉiu disko kostas 110 rub. + sendokostoj (por sendo ene de Rusio – 20 rub. por unu disko plus 5 rub. por ĉiu sekva).

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## TRALEGINTE "DEK TAGOJN DE KAPITANO POSTNIKOV" DE M.BRONŜTEJN

Aperis romano la originala
Pri l' esperantista mond'
Kaj ĝia stelulo kun sorto fatala
En antaŭsoveta rond'.

Kuradas marondoj, kaj portas la maro
La ŝipon al okcident',
Al granda forum' de l' esperantistaro –
La internacia gent'.

Eksciti atenton la libro ne ĉesas
Ĝis premsufokata kri'.
Je neforgesebla viveco impresas
Bolado de l' histori'.

Jen inter ĉefurbaj klubanoj la skismo
Tempestas je gala prem'.
Jen pri Esperanto kaj esperantismo
Parolas la Majstro mem.

En oficiala sciig' dokumenta
La ver' kaj la kalumni'

Najbaras en sia klopod' elokventa
Pri batoj aŭ harmoni'.

Fidelas amikoj kaj lumas la amo
Tra faloj kaj malesper'.
Por superularo danĝeras bonfamo
De la nekutima ver'.

Projektoj kaj faroj, sukcesoj kaj celoj –
L' impeta flugad', ne driv'.
Tro multe da spicaj vinŝaŭmaj bobeloj
De la fajroplena viv'.

En ardo de serĉoj, ideoj, diskuto,
En streĉ' de la lingvotrejn'
Inspire sonoru la arta saluto
De Postnikov kaj Bronŝtejn!

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

## KVIZO PRI E-KULTURO

*Laŭ peto de la organizantoj de RET-04 mi preparis kvizon por teama konkuro. Similaj kvizoj, precipe laŭ la modelo de "Kio? Kie? Kiam?", okazis en niaj amasaranĝoj plurfoje, sed antaŭe oni simple esperantigis pretajn demandojn el ruslingvaj intelektaj ludoj. Tiaj demandoj kutime estas orientitaj al la ĝenerala erudicio de la ludantoj kaj ne estas speciale ligitaj kun Esperanto. Mi decidis fari paŝon antaŭen kaj kompilis 16 demandojn pri la ĉeftemo de RET ("Nia kulturo – nia espero"). La kvizon partoprenis 3 teamoj po 3 personoj. En la vigla kaj streĉa konkurbatalo venkis la teamo "Tri porkidoj" (G.Kokolija, M.Lineckij, V.Samodaj). Ĉar la demandoj de la kvizo espereble havas ĝeneralklerigan intereson, mi prezentu ilin ĉi-sube. Provu respondi ilin, se eble – ne uzante helpliteraturon, samkiel la RET-kvizanoj.*

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

**Demando 1.** El la vivo de vojaĝantoj: Blinda poeto vojaĝis el Rusio al Japanio kaj loĝis tie de 1914 ĝis 1921. Poste li veturis al Ĉinio kaj reiris al Soveta Unio. Tie li vojaĝis al Norda Siberio kaj Turkestano kaj fine revenis al sia naskiĝloko. Pri kiu temas?

**Demando 2.** Iam en la revuo "Esperanto" aperis artikolo de Spomenka Ŝtimec pri la 9-a Pupteatra Internacia Festivalo, kiu okazis en Zagrebo. Konstatinte, ke la Festivalo estis kompare kun la antaŭaj tre modesta kaj ke intereso de esperantista publiko estis nesufiĉa, la aŭtorino skribis: "Paradokse estas, ke la festivalon en Esperanto subtenas nek eksterlandaj nek enlandaj movadanoj; ĝi gajnas ĉiam pli da intereso kaj subteno ĉe neesperantistoj". La artikolo titoliĝis: "Esperanto sen …". Nomu la lastan vorton de la titolo.

**Demando 3.** En Esperantujo estas kelkaj organizaĵoj, agantaj en la sfero de kulturo. Unu el ili, fondita en 1983, havas nomon, kies siglo koincidas kun virina nomo. Bonvolu nomi la organizaĵon.

**Demando 4.** Sur la kovrilpaĝo de la revuo "Esperanto", aperinta en marto de 1976, estis portreto en funebra kadro kaj subskribo: "La kordo malstreĉiĝis". Nomu la forpasinton.

**Demando 5.** Rimportreto verkita de Kolomano Kalocsay:

… …, homo homa
Homecon serĉas malespere
Kaj luktas arde kaj kolere
Kun la Milito sango-voma.

En nokto de Malam' fantoma
La koron potas li fajrere.
… …, homo homa
Homecon serĉas malespere.

Pri ĉio misa, falsa, gnoma
Indignas li profet-severe,
Sed ofte ridas ni sincere,
Se ĉarmas nin per ŝerc' aroma

… …, homo homa.

Kiuj nomo kaj familinomo estas ellasitaj en la teksto?

**Demando 6.** Estas donitaj kvin vortoj: LIBRO, INVADO, RIKARDO, DIMENSIO, EVANGELIO. Trovu la sesan vorton, sciante ke ĝi estas propra nomo.

**Demando 7.** Esperanto estas laŭ sia formo preskaŭ senŝanĝa ekde la Unua Libro. Tamen, kiam venis la tempo eldoni la Duan Libron, Zamenhof laŭ sugesto de E. von Wahl faris en la lingvo malgrandan ŝanĝon, kiu koncernis 5 vortojn de la baza vortaro. Nomu la originan kaj la ŝanĝitan formon de iu ajn el la 5 vortoj. Cetere, unu el ili troveblas en la demandoteksto mem.

**Demando 8.** En Esperantujo estas kelkaj organizaĵoj, agantaj en la sfero de kulturo. Unu el ili, fondita en 1963, havas nomon, kies siglo koincidas kun radiko de vorto, signifanta beston. Bonvolu nomi la organizaĵon.

**Demando 9.** En 1980 en la revuo "La Kancerkliniko" aperis pamfleto, provokita de la sovetia invado en Afganion. Ĝi estis verkita forme de letero de kvazaŭa afgania leganto al la redaktoro. Tiu virtuala afgano i.a. menciis, ke lin vizitis "Isa Izmajloviĉ Muĥamedjev, soveta esperantisto, fakulo pri kaŭkazaj tankoj", poste la aŭtoro klarvide demandis: "Mi povus klopodi elpeli la sovetajn

tankojn, sed ĉu poste ne venos la tankoj de iu alia?” La titolo de la letero-pamfleto nur je unu litero diferencas de kliŝa ĝentilec-formulo. Nomu tiun titolon.

**Demando 10.** El la vivo de vojaĝantoj: En 1907 juna sviso, lerninta Esperanton kiel gimnaziano, vojaĝis al Britio kaj Usono. Poste li daŭrigis studadon en Francio, dum la unua mondmilito li vojaĝis al Orienta Eŭropo kiel ĵurnalisto. En 1931 li vizitis Italion kaj Hindion. Lia plej fama verko estas la biografia libro “Vivo de Zamenhof”, aperinta en 1920. Pri kiu temas?

**Demando 11.** Ankoraŭ unu versaĵo de Kolomano Kalocsay en rimportret-simila ĝenro:

… venkis ĉe Unesko
per lukto lerta, streĉo nerva.
El la lastvica seĝ’ observa
li ĝis la surplafona fresko

altiĝis en giganta kresko
per vorto ĉiuvenke verva.
… venkis ĉe Unesko
per lukto lerta, streĉo nerva.

Kun la ŝakmajstra fosforesko
de l’ cerbo ĉiam brile serva,
indigna, sed trankvil-konserva
pri l’ aĉa Blinkenberg-burlesko,
… venkis ĉe Unesko.

Kiu familinomo estas ellasita en la teksto?

En la informlibro “Sociaj resursoj de klerigado”, eldonita de Ministerio pri Klerigo de Rusia Federacio”, sur la paĝo 89 sub la titolo “Internacia edukado” estas informo pri la Sankt-Peterburga E-societo “Espero”. Etas indikitaj gvidantoj de la societo, ĉiuj ĝiaj adresoj. Poste en kvin alineoj estas priskribataj la celoj kaj specifecoj de la societo kaj la lingvo.

**Demando 12.** Kurta biografio: Naskiĝis en 1891. Filo de malriĉa vilaĝa tajloro. Laboris kiel instruisto, pro malsano sporade estis senlabora. Esperantiĝis en 1929. Famiĝis kiel unu el la plej elstaraj E-poetoj de la 30-aj jaroj, kiam liaj verkoj aperadis en E-revuoj (ĉefe en “Literatura Mondo”), lernolibroj, antologioj. Mortis en 1946. Bonvolu nomi la poeton.

**Demando 13.** Skota E-poeto Albert Goodheir verkis originalan poemaron, kies titolo enhavas nomon de nigra birdo. Pri kiu birdo temas?

**Demando 14.** William Auld jene omaĝis verkiston, forpasintan en 1967:

Estingiĝis meĉ’ en nordo,
disluminte kun fidel’.
malgraŭ blovoj de la sorto,
tra la jaroj sen ŝancel’.

De Danub’ ĝis sveda bordo:
sankta flamo en kapel’.
Korojn multajn ĝia lum’
Gvidis milde al plenum’.

Kiun omaĝis William Auld?

**Demando 15.** El recenzo de István Szerdahelyi pri libro eldonita en 1978: “Per vastskala kultura komparado la aŭtoro volis kaj sukcesis pruvi, ke Esperanto ne estas ia kuriozaĵo, iu mirskarabo inter la ceteraj lingvoj, sed ĝi, kiel ĉiu alia funkcianta lingvo, havas siajn internajn leĝojn, kiuj parte kongruas aŭ similas, kaj parte ne, kun la ceteraj lingvoj”. La aŭtoro de tiu libro poste iĝis prezidanto de UEA. Bonvolu nomi la libron.

**Demando 16.** Fragmento el nekrologo, aperinta en 1979: “… homo, kiu fariĝis legendo kaj movada institucio jam dum sia neordinara, fruktodona vivo”. Nomu la forpasinton.

***(respondojn kaj komentojn vidu sur la p. 44)***

---

# Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)

# El aŭtunaj sonetoj

* * *

Finaŭgusta foliaro emas bunti,
brunon, oron kaj skarlaton iel prunti
de la sablo, de la suno, de la sango
por majeste-feste paŝu la pasanto,

kiu vagas laŭ la padoj nun senpare.
Papilioj preterflugas malavare,
rojo lirlas ĝuan akvomelodion...
La pasanto ne atentas ĝin hodiaŭ,

ĉar fridiĝis la aŭgusta inkandesko,
elokventas jam ne fest’ sed nepluesto
en perfida bunto de l’ folia gamo.

Mutas mi por ne influi eĉ per spiro,
sed descendas al septembra sunsubiro
aranea fadenet’ de nia amo.

*30.08.04*

* * *

Hieraŭ venis tag' stupora.
En Kaŭkazi', en urbo fora
knabinoj, knaboj, eĉ bebaĝaj,
kelkcente iĝis la ostaĝoj.

Malhoma, senanima bando
atakis ĉe lerneja rando,
kaj al suspiroj, ĝemoj, petoj
malice krakis mitraletoj...

Se ili diras, ke l' armilojn
Alah' direktis, benis ilin, –
ne kredu tion:

Levinta mitraleton mano
kontraŭ senkulpa id', infano,
ne konas Dion!

*02.09.04*

* * *

Kato rufa – silenta najbaro
ĉasas birdojn en densa arbusto,
sed flugadas apude birdaro,
Suspektanta pri l' kata embusko.

Paciencas la ruza bestio,
premas sin inter ruĝo kaj flavo
de l' falinta amaso folia
kaj solviĝas en ties enhavo,

jen subite elpafas sin fulme,
jen kontenta ekpaŝas kun predo
dum venteto forblovas lanugon.

Enviego min boras elfunde,
ĉar pro ia malklara nekredo
mi ne povas dissolvi la nunon.

*06.09.04*

* * *

Kiom ĉarmaj estas miaj kursaninoj –
koro svenas!
Dek estuntaj esperantistinoj
gaje venas

por kvivito, ĉirpo, pepo drola,
gaja rido
ĉe l' hazarda miso elparola –
en rapido.

Mi aŭskultas ilin; la vizaĝ' barboza
penas montri sin severa, serioza –
vana peno!

Ekgrimacas mi nevole jam sen brido –
eble venos nun en nia gaja rido
la kompreno...

*13.09.04*

* * *

En la mezo de septembro,
antaŭ pluv', venonta poste,
trankviliĝas ir' de l' tempo,
pace ekas la ripoz' de

bedo da asteroj buntaj,
nigre brila merlareto,
plaŭdoj fiŝaj, zumoj burdaj...
Eĉ du nadloj en diskreto

taktan movon bremsis trene,
haltis post tiktaka febro,
ripozantaj kun naiv'.

Pigre, pene, plenserene
en la mezo de septembro
malrapide fluas viv'.

*16.09.04*

* * *

Aĥ, tiu fintaga laciĝo
ĝisfala! –
Similas al la komenciĝo
fatala

de svena, subita, silenta
senmovo,
se ŝvebas animo dum venta
forblovo.

Ĝi logas min fali impete,
eksenti kareson kusenan,
trankvilon!

La koro oponas komplete,
kaj pelas min preni konvenan
skribilon...

*18. 09.04*

* * *

Konservis nur ombron de nia proksim'
lupole kovrita altano.
Vagadas fantome la sentoj en sin'
de l' densa aerdiafano.

Amare sensonas malplena trankvil'
por mia soleca obsedo,
nur daŭras brueto de burda babil'
rondire ĉe l' bunta florbedo.

En pigra senvolo forestas dezir'
Ekŝvebi, ekflugi kun juna admir'
Al nova intrigo...

La blanka kapeto de vila aster'
Humile, senhelpe sin klinis al ter' –
Laciĝis la tigo.

*19.09.04*

* * *

Ĉe finseptembra ftiza ven'
ŝirita estas la seren'
de iu lasta suna tag'
per venta vag', per pluvatak'.

Same foli' kaj papili'
for de l' juli', de l' idili'
pelatas per ventega fort'
al malkomfort', al certa mort'...

Anhela spiro de l' aŭtun'
konsilas reve resti kun
bonaj amikoj,

kaj trovas mi en sonĝa klar':
laŭ fora skota montetar'
floras erikoj.

*21.09.04*

* * *

Sunradioj en pina arbar'
promenadas kun gajo libera,
ĉiuloke postkuras nin, ĉar
travideblas maldens' konifera.

Ŝajnas daŭri la varma uni'
inter bluo en supro kaj subo,
sed en for' trans lageta lini'
monstre montras sin rando de l' nubo.

La radioj rapidas en tim'.
Vigla, vante veninta ventet'
jam zorgigas vizaĝon de l' suno.

Kaj en fluo de nia proksim'
viŝas spurojn de via ridet'
nefidinda trankvil' de l' aŭtuno.

*23.09.04*

* * *

Venas vokoj kaj mokoj el Esperantuj',
ŝrikaj pikoj, prudentaj kritikoj.
Venas em' por respondi al ĉiuj kaj tuj,
sed aŭtuno malhelpas, amikoj...

Ĉe la ĵus finfarita grandega labor'
mi fojfoje eksentas min nane,
do laŭdegojn akceptas kun sama humor'
kiel frapojn, faritajn profane.

Mi gvatadas envie flugantojn al sud';
pitoresko kaj bunto – aŭtuna apud'
sopirige torturas la koron.

En singulta sopiro de la torturat',
en ekpluva susur', en ventega spirad'
mi pripensas pli grandan laboron.

*29.09.04*

*Arkadij Strugackij, Boris Strugackij*

# Lundo ekas sabate

***tradukis Mikaelo Bronŝtejn***

## Historio dua. Tumulto tumultega

### Ĉapitro kvara

*Ve' al mi, neforta bubo!*
*Min formanĝos la vampir'...*
*A.S.Puŝkin*

– Ĝi eloviĝis, – Roman diris trankvile, rigardante la plafonon.
– Kiu? – Mi estis konsternita: la krio estis virina.
– La Elkurella vampiro, – Roman diris. – Pli ĝuste, la kadavrulo.
– Sed kial kriis virino?
– Jen do vi vidos, – Roman diris.

Li prenis mian manon, eksaltis supren, kaj ni ekimpetis tra la etaĝoj. Penetrante plafonojn ni entranĉiĝis en la tegaĵojn, kvazaŭ tranĉilo en fridiĝintan buteron, poste kun ŝmacsono eliĝis enaeren kaj denove entranĉiĝis en la tegaĵojn. Inter la tegaĵoj estis mallumo, kaj etaj gnomoj en kompanio de musetaro kun timpepoj saltadis for de ni, sed en laboratorioj kaj kabinetoj, kiujn ni traflugis, laborantoj rigardis supren kun surprizitaj vizaĝoj.

En la “Akuŝejo” ni trapenetris la amason de scivolemuloj kaj ekvidis ĉe laboratoria tablo tute nudan profesoron Elkurello. Lia bluet-blanka haŭto rebrilis malseke, la malseka barbo pendis beksimile, la malsekaj haroj gluiĝis al la malalta frunto, sur kiu inkandeskis funkcianta vulkana furunko. La malplenaj diafanaj okuloj kun neofta palpebrumado sensence traserĉadis la ĉambron.

Profesoro Elkurello estis konsumanta manĝaĵon. Sur la tablo antaŭ li fumadis granda fotografia kuveto, ĝisrande plenigita per vaporumitaj branoj. Atentante neniun speciale, li ĉerpadis la branojn per manplato, knedis ilin per fingroj kaj la formiĝintajn bulojn direktadis en la buŝaperturon, abunde priŝutante la barbon per braneroj. Ĉe tiu agado li krakis, ŝmacis, gruntis, ekronketis, klinis la kapon flanken kaj duonfermis la okulojn, kvazaŭ pro grandega ĝuo. De temp' al tempo, sen ĉesi glutadon kaj singultadon, li iĝis maltrankvila, kaptadis je randoj la branujon kaj la sitelojn kun selakto, starantajn apud li surplanke, kaj ĉiufoje movis tiujn pli kaj pli proksimen al si. Ĉe la alia tablorando junjuna sorĉ-praktikantino Stella, kun puraj rozkoloraj oreletoj, pala kaj larmanta, kun tremantaj lipetoj, tranĉadis panbulkojn je grandegaj pecoj kaj, forturnante la vizaĝeton, portis tiujn al Elkurello en la manoj etenditaj. La centra aŭtoklavo estis ovrita, renversita, kaj ĉirkaŭ ĝi disfluis larĝa verdeta flako.

Elkurello subite elparolis neklare:

– Hej, inaĉo... tion... lakton donu! Verŝu, jen-do, rekte tien ĉi, en la branojn...

Sil vu ple, jen-do...

Stella haste kaptis la sitelon kaj elplaŭdis la selakton en la kuveton.

– Eĥ! – eksklamaciis profesoro Elkurello. – La-a ujo estas malgranda, jen-do! Ci, inaĉo, kiel oni cin do nomas, rekte en la grandan ujon, en la kaldronon verŝu. Ni, do estos manĝantaj el la kaldrono, jen-do...

Stella komencis renversi la sitelojn en la kaldronon kun branoj, kaj la profesoro, kaptinte la kuveton, kiel kuleron, komencis ĉerpi la branojn kaj direkti ĉion en la faŭkon.

– Telefonu tamen al li! – Stella petege ekkriis. – Li ja nun ĉion finmanĝos!

– Jam oni telefonis, – diris iu en la amaso. – Tamen vi preferu distanciĝi de li. Venu ĉi tien.

– Sed, ĉu li venos? Ĉu venos?

– Li diris, ke estas eliranta. Galoŝojn, jen-do, surmetas kaj eliras. Iru for de li, al ci estas dirite!

Mi komprenis finfine, kio okazis. Tiu ulo ne estis profesoro Elkurello. Ĝi estis la novnaskita kadavrulo, la modelo de homo, malkontenta stomake. Do estas bonŝanco, ĉar mi jam pensis, ke la profesoron trafis cerba paralizo. Kiel sekvo de streĉaj okupoj.

Stella singarde-kaŝe flankeniris. Oni kaptis ŝin je la ŝultroj kaj entiris en la amason. Ŝi kaŝis sin malantaŭ mia dorso, kaptinte mian kubuton, kaj mi senprokraste rektigis la ŝultrojn, kvankam ne komprenis dume, kio estas okazanta kaj kion ŝi tiom timas. La kadavrulo voregis. En la laboratorio, plena de homoj, regis konsterna silento, aŭdeblis nur, kiel li snufas kaj krakas, kvazaŭ ĉevalo, kaj skrapas perkuvete la vandojn de la kaldrono. Ni spektis. Li deseĝiĝis kaj mergis sian kapon en la kaldronon. Virinoj forturnis sin. Lilinjo Novosmeĥova eksentis naŭzon, kaj oni forkondukis ŝin en la koridoron. Poste sonis la klara voĉo de Edĉjo Amperjan:

– Bone. Ni pensu logike. Tuj li finkonkeros la branojn, poste finmanĝos la panon. Sed poste?

En la antaŭaj vicoj ekis movo. La amaso densiĝis pli proksimen al la pordo. Mi komencis kompreni. Stella diris per subtila voĉeto:

– Estas ankaŭ haringaj kapoj...

– Ĉu multe?

– Du tunoj.

– D-do, – Edĉjo diris. – Kaj kie estas tiuj?

– Ili devas esti transportataj per ĉenstablo, – Stella diris. – Tamen mi provis, sed la stablo estas difektita...

– Interalie, – Roman diris laŭte, – jam dum du minutoj mi provas lin pasivigi, sed absolute senrezulte...

– Ankaŭ mi, – diris Edĉjo.

– Pro tio, – Roman diris, – estus tre bone, se iu el aparte abomenemaj okupu sin pri riparado de la stablo. Kiel paliativon. Ĉu ĉeestas iu el la magistroj? Edĉjon mi vidas. Ĉu ankoraŭ iu ĉeestas? Kornejev! Viktor Pavloviĉ, ĉu vi estas ĉi tie?

– Forestas li. Eble iu kuru por voki Fjodor Simeonoviĉ?

– Mi opinias, ke dume ne indas zorgigi lin. Iel-tiel ni mem sukcesos. Edĉjo,

provu ni kune, koncentrite.

– En kiu reĝimo?

– En la bremsa. Ĝis tetano inkluzive. Buboj, helpu ĉiuj, kiuj scipovas.

– Unu momenton, – Edĉjo diris. – Sed se ni lin difektos?

– Jes-jes-jes, – mi diris. – Vi, do prefere ne faru. Prefere li min forvoru.

– Ne paniku, ne paniku. Ni estos atentemaj. Edĉjo, ni komencu pertuŝe. Po unu tuŝo.

– Ni komencu, – Edĉjo diris.

Estiĝis eĉ pli da silento. La kadavrulo moviĝis en la kaldrono; transmure interparolis kaj frapetis la volontuloj, riparantaj la stablon. Pasis minuto. La kadavrulo eliĝis el la kaldrono, viŝis la barbon, dormeme rigardis nin kaj subite per lerta movo, etendinte la brakon neimageble foren, akaparis la lastan panbulkon. Poste li raŭke ekruktis kaj komfortigis sin sur la seĝo, kunmetinte la manojn sur la grandega ŝvelinta ventro. Laŭ lia vizaĝo disfluis senlima ĝuo. Li snufetis kaj ridetis sensence. Sendube li estis feliĉa, samkiel feliĉas ekstreme laciĝinta homo, atinginta finfine la deziratan liton.

– Ŝajnas, ke efikis, – kun faciliga ekspiro diris iu en la amaso.

Roman kunpremis la lipojn dube.

– Mi ne havas tian impreson, – Edĉjo diris ĝentile.

– Eble lia mekanismo jam malstreĉiĝis? – mi diris kun espero.

Stella ĉagrene komunikis:

– Tio estas nur portempa ekvilibro… Paroksismo de kontenteco. Baldaŭ li denove vekiĝos.

– Senfortuloj vi estas, magistroj, – diris kuraĝoplena voĉo. – Lasu min, mi iros voki Fjodor Simeonoviĉ.

– Roman, – mi diris senzorge, – mi opinias, ke ekstremokaze ci kapablas ĝin malmateriigi, ĉu ne?

Roman ekridis kaj frapetis mian ŝultron.

– Ne timu, – li diris. – Ĉio ĉi estas nur ludiloj. Nur ne volas mi rilati kun Elkurello... Tiun ĉi ci ne timu, ci timu jen tiun! – Li montris al la dua aŭtoklavo, pace klakanta en angulo.

Intertempe la kadavrulo subite ekmoviĝis maltrankvile. Stella mallaŭte ekjelpetis kaj alpremis sin al mi. La okuloj de la kadavrulo malfermiĝis. Komence li kliniĝis kaj enrigardis la kaldronon. Poste tondretis per malplenaj siteloj. Poste stuporiĝis kaj sidis senmove dum iom da tempo. Lian kontentmienon anstataŭis la esprimo de amara ofendiĝo. Li duonleviĝis, rapide priflaris la tablon, movante la naztruojn, kaj, eliginte la longan ruĝan langon, forlekis la panerojn.

– Nu, buboj, havu kuraĝon... – iu elflustris en la amaso.

La kadavrulo ŝovis manon en la kaldronon, elprenis la kuveton, pristudis ĝin de ĉiuj flankoj kaj singarde formordis randon. Liaj brovoj sufere leviĝis. Li formordis plian pecon kaj ekkrakis maĉante. Lia vizaĝo bluiĝis, kvazaŭ pro forta incito, la okuloj iĝis malsekaj, sed li mordadis foj-post-foje, ĝis formaĉo de la tuta kuveto. Ĉirkaŭ minuton li sidis enpensiĝinte, ekzamenante perfingre la dentojn, poste malrapide esploris per la rigardo la silentiĝintan amason. Nebonan rigardon li posedis

– pritaksantan, ian elektantan. Volodja Poĉkin elparolis nevole: “No-no, paciĝu, ci...” Kaj ĉi-momente la malplenaj diafanaj okuloj kaptis Stella-n, kaj ŝi eligis kriegon, la saman animŝiran kriegon, transirantan al ultrasono, kiun mi kun Roman jam estis aŭdintaj en la akceptejo de la direktoro kvar etaĝojn sube. Mi ektremis. Ankaŭ la kadavrulon tio ĝenis: li mallevis la okulojn kaj nervoze ektamburis perfingre sur la tablo.

Ĉe la pordo aŭdiĝis bruo, ĉiuj ekmoviĝis, kaj tra la amason, dispuŝante gapulojn, forŝirante glacierojn el la barbo, enŝovis sin Amvrosij Ambruazoviĉ Elkurello. La vera. Li odoris vodkon, ŝafpelton kaj froston.

– Karĉjo! – li ekkriis. – Kio, do okazas, ha!? Kel situasjon![1] Stella, kial tion do ci malatentas!.. Kie ‘stas haringo? Ja li havas bezonojn!.. Ja liaj bezonoj kreskas!.. Endas legi miajn verkojn!

Li proksimiĝis al la kadavrulo, kaj la kadavrulo tuj komencis avide priflari lin. Elkurello fordonis al li la ŝafpelton.

– La bezonojn necesas kontentigi! – li parolis, rapide klakante per ŝaltiloj sur panelo de la stablo. – Kial ci tuj ne donis? Oĥ, tiuj le fam, le fam!..[2] Kiu diris, ke estas difektita? Tute ne difektita, sed ensorĉita. Por ke, sekve, ne ĉiu povu eluzi, ĉar, jen-do, la bezonojn ĉiu havas, sed la haringo estas por la modelo...

En la muro ovriĝis fenestreto, ekgrincis la ĉenstablo, kaj rekte surplanken ekfluis torento da odoraĉantaj haringaj kapoj. La okuloj de la kadavrulo ekbrilis. Li falis kaŭre, ektrotis al la fenestreto kaj ekokupis sin pri la afero. Elkurello, starante apude, aplaŭdis, gaje ekkriadis kaj de tempo al tempo, pleniĝante per sentoj, komencis karese skrapi la kadavrulon ĉeorele.

La amaso malstreĉiĝinte ekspiradis kaj moviĝis. Oni eksciis, ke Elkurello venigis kun si du raportistojn de la regiona ĵurnalo. La raportistoj estis konataj – G.Penetrema kaj B.Kovulo. Ankaŭ ili odoris vodkon. Fulmante per fotosparkiloj, ili komencis fotadi kaj enskribi en la notlibretojn. G.Penetrema kaj B.Kovulo estis fakraportistoj pri scienco. G.Penetrema estis glorigita pro la frazo: “Oort estis la unua, kiu rigardis la stelplenan ĉielon kaj rimarkis, ke Galaksio rotacias”. Al li apartenis ankaŭ: la literatura enskribaĵo de Merlin-sagao pri la vojaĝo kun la prezidanto de la distrikta soveto kaj la intervjuo, prenita (pro analfabeteco) ĉe dublulo de Ojra-Ojra. La intervjuo estis titolita “Homo de l’ majusklo” kaj komenciĝis per la vortoj: “Kiel ĉiu vera sciencisto, li ne estis tro parolema...” B.Kovulo parazitis ĉe Elkurello. Liaj impetaj eseoj pri memsurmetiĝantaj ŝuoj, pri karotoj memsintirajmemirantaj en karoserion kaj pri aliaj projektoj de Elkurello estis vaste konataj en la regiono, kaj la artikolo “Sorĉisto el Solovec” estis aperinta eĉ en unu el centraj revuoj.

Kiam la kadavrulon kaptis vica paroksismo de kontento kaj li ekdormetis, la alvenintaj laborhelpantoj de Elkurello, elradikigitaj de ĉe novjaraj tabloj kaj pro tio tre neafablaj, haste dekoris lin per nigra kostumo kaj ŝovis seĝon sub lin. La raportistoj starigis Elkurellon apude, metis liajn manojn sur la ŝultrojn de la kadavrulo

---

[1] Kiaj aferoj! (fr.)

[2] Virinoj, virinoj! (fr.)

kaj, alcelinte objektivojn, petis daŭrigi.

– La ĉefa estas – kio? – Elkurello kun preteco proklamis. – La ĉefa estas, ke homo estu feliĉa. Mi rimarkigu tion parenteze: feliĉo estas nocio homeca. Sed kio estas la homo, se diri filozofie? La homo, kamaradoj, estas *homo sapiens*, kiu povas kaj volas. Povas, jen-do, ĉion, kion volas, kaj volas ĉion, kion povas. Nes pa[1], kamaradoj? Se li, tio estas homo, povas ĉion, kion volas, kaj volas ĉion, kion povas, do li ĝuste estas feliĉa. Tiel do ni lin difinu. Kion ni tie ĉi, kamaradoj, havas antaŭ ni? Ni havas modelon. Sed tiu ĉi modelo, kamaradoj, volas, kaj tio jam estas bona. Tieldire, ekselent, eksvi, ŝarmant.[2] Kaj ankaŭ, kamaradoj, vi mem vidas, ke ĝi povas. Kaj tio estas eĉ pli bona, ĉar se tiel, do ĝi... li, sekve, estas feliĉa. Ĉeestas do la metafizika transiro de nefeliĉo al feliĉo, kaj tio ne povas mirigi nin, ĉar oni ne naskiĝas feliĉaj, sed oni, jen-do, fariĝas feliĉaj. Jen ĝi nun estas vekiĝanta... Ĝi volas. Kaj pro tio ĝi dume estas malfeliĉa. Sed ĝi povas, kaj per tiu ĉi "povas" efektiviĝas dialektika salto. Je-jen! Vidu! Ĉu vi vidas, kiel ĝi povas? Uĥ ci, mia karulo, uĥ ci, mia ĝoja! Jen, jen! Jen kiel ĝi povas! Dek – dek kvin minutojn ĝi povas... vi, kamarado Kovulo, tie vian fotileton formetu, sed prenu vi la filmileton, ĉar jen tie ĉi ni havas procezon... tie ĉi ĉe ni ĉio estas en movo! Trankvilo ĉe ni, kiel devas esti, estas relativa, movo ĉe ni estas absoluta. Jen tiel. Nun ĝi ekpovis, kaj dialektike ĝi estas transiranta al feliĉo. Al kontento, tio estas. Vidu, ĝi la okulojn fermis. Ĝi ĝuas. Ĝi bonfartas. Mi al vi science asertas, ke mi estus preta anstataŭi ĝin. En la nuna momento, kompreneble... Vi, kamarado Penetrema, ĉion, kion mi estas diranta, enskribu, sed poste donu al mi. Mi glatigos kaj enmetos referencojn... Jen do nun ĝi dormetas, sed tio ankoraŭ ne estas ĉio. Bezonoj niaj devas iri kiel profunden, samtiel ankaŭ larĝen. Tio, komprenu, estos sole ĝusta procezo. On di ke[3] Elkurello kvazaŭ estas kontraŭ la spirita mondo. Tio, kamaradoj, estas moketikedo. Ni, kamaradoj, delonge devas forgesi tiajn manierojn dum scienca diskutado. Ĉiuj ni scias, ke la materia iras antaŭe, sed la spirita iras malantaŭe. Satur ventur, kiel konatas, non studit libentur.[4] Kion ni, konforme al la nuna okazantaĵo, traduku jene: malsata kompano nur pensas pri pano...

– Male, – diris Ojra-Ojra.

Iom da tempo Elkurello sensence rigardis lin, poste diris:

– Tiun ĉi replikon el la amaso ni, kamaradoj, tuj forbalaos kun indigno. Kiel neorganizitan. Ni ne flankeniru de la ĉefaĵo – de la praktiko. Mi daŭrigas kaj transiras al la sekvanta ŝtupo de la eksperimento. Mi klarigu por la gazetaro. Elirante el la materiisma ideo pri tio, ke portempa kontentigo de materiaj bezonoj, mi diru plu – matbezonoj estas okazinta, eblas transiri al kontentigo de spiritaj bezonoj, mi diru plu – spirbezonoj. Tio estas, spekti filmon, televidilon, aŭskulti popolmuzikon aŭ kanteti memstare kaj eĉ legeti iun libron, ekzemple "Krokodilon"[5] aŭ, jen-do, eble

[1] Ĉu ne (fr.)
[2] Rave, perfekte, ĉarme (fr.)
[3] Oni diras, ke (fr.)
[4] Sata ventro kontraŭas studojn (lat.)
[5] Satira revuo

ĵurnalon... Ni, kamaradoj, ne forgesu, ke por ĉio ĉi oni devas havi kapablon, sed kontentigo de matbezonoj specialajn kapablojn ne bezonas, ili ĉiam ĉeestas, ĉar la naturo sekvas materiismon. Dume ni nenion povas diri koncerne la spiritajn kapablojn de la menciita modelo, ĉar ties racia kerno estas stomaka malkontento. Sed tiujn ĉi spirkapablojn ni tuj determinos.

La malafablaj laborhelpantoj instalis sur la tablojn magnetofonon, radioricevilon, filmprojekciilon kaj negrandan transporteblan bibliotekon. La kadavrulo trakuris la ilojn de kulturo per indiferenta rigardo kaj gustumis magnetofonbendon. Iĝis klare, ke la spirkapabloj de la modelo ne montriĝos spontane. Tiam Elkurello ordonis komenci, kiel li diris, perfortan enigon de kulturaj kutimoj. La magnetofono ekkantis dolĉe: "Kun la amat' disiĝis mi, ni ĵuris pri la am'". La radioricevilo ekfajfis kaj ekululis. La projekciilo ekmontris surmuren animitan fimon "Lupo kaj sep kapridoj". Du laborhelpantoj ekstaris kun revuoj enmane ambaŭflanke de la kadavrulo kaj komencis kunan laŭtlegadon...

Kiel endus supozi, la stomaka modelo akceptis ĉi tutan bruon kun plena indiferento. Dum ĝi volis vori, ĝi kraĉis al sia spirita mondo, ĉar ĝi volis vori kaj estis voranta. Sed satiĝinte ĝi estis ignoranta sian spiritan mondon, ĉar iĝis dormema kaj portempe nenion plu deziris. La sagaca Elkurello lertis tamen rimarki senduban ligon inter tamburfrapado (el radioricevilo) kaj refleksa ektremado de la kruroj de la modelo. Tiu ĉi ektremado venigis lin al ravo.

– Kruron! – li ekkriis, kaptante la manikon de B.Kovulo. – La kruron filmu! Kun pligrandigo! La vibrasjon sa mole goŝ etun grand sin'![1] Tiu ĉi kruro forbalaos ĉiujn intrigojn kaj forŝiros ĉiujn moketikedojn, kiujn oni sur min pendigas! Ŭi san dot[2], homo, kiu estas ne fakulo, eble eĉ miros, kiel mi rilatas al tiu kruro. Sed ja, kamaradoj, ĉio granda riveliĝas en malgranda, kaj mi devas memorigi, ke la modelo prezentata estas la modelo de limigitaj bezonoj, se diri konkrete – nur de unu bezono kaj, se nomi la aĵojn per ĝustaj nomoj, rekte, laŭnie, sen ĉiuj tiuj vualoj, – la modelo de la bezono stomaka. Tial ĝi havas certan limigon ankaŭ pri la spirbezonoj. Kaj ni asertas, ke nur diverseco de matbezonoj povas provizi diversecon de spirbezonoj. Mi klarigu por la gazetaro per ekzemplo, komprenebla por ĝi. Se, ni diru, ekzemple ĝi havus klare reliefigitan bezonon pri tiu ĉi magnetofono "Astra-7", kun la prezo cent kvardek rubloj, kiu bezono devas esti komprenata de ni kiel materia, kaj se ĝi tiun ĉi magnetofonon ekhavus, do ĝi tiun ĉi magnetofonon estus funkciiganta, ĉar, kiel vi mem komprenas, kion alian oni faru pri la magnetofono? Sed se ĝi funkciigus ĝin, do kun muziko, sed se estas muziko – necesas ĝin aŭskulti aŭ, jen-do, danci... Sed kio estas, kamaradoj, aŭskultado de muziko kun dancoj aŭ sen tiuj? Tio estas kontentigo de spirbezonoj. Komprene vu?[3]

Mi jam delonge estis rimarkinta, ke konduto de la kadavrulo esence ŝanĝiĝis. Ĉu io ĉesis funkcii en ĝi, aŭ ĝuste tiel devis esti, sed la daŭro de ĝiaj ekvilibroj iĝis pli kaj pli kurta, tiel ke al la fino de la parolado de Elkurello ĝi jam ne foriris de la

---

[1] La tremado de ĝia maldekstra suro estas grava signo (fr.)
[2] Jes, sendube (fr.)
[3] Ĉu vi komprenas? (fr.)

stablo. Cetere, eble moviĝo estis jam malfacila por ĝi.

– Permesu demandon, – Edĉjo diris ĝentile. – Kiel vi klarigas ĉeson de la kontento-paroksismoj?

Elkurello silentiĝis kaj rigardis al la kadavrulo. La kadavrulo estis voranta. Elkurello rigardis al Edĉjo.

– Mi respondu, – li diris memkontente. – La demando, kamaradoj, estas ĝusta. Kaj mi eĉ dirus, ke la demando estas saĝa, kamaradoj. Ni havas antaŭ ni konkretan modelon de senpaŭze kreskantaj materiaj bezonoj. Kaj nur al observanto supraĵa povas ŝajni, ke la paroksismoj de kontenteco kvazaŭ ĉesis. Efektive tiuj estas dialektike transirintaj al la nova kvalito. Ili, kamaradoj, vastiĝis al la procezo mem de bezon-kontentigo. Nun ne sufiĉas por li esti sata. Nun liaj bezonoj kreskis, nun li devas la tutan tempon manĝi, nun li estas memlerninta kaj scias, ke maĉado – tio ankaŭ estas bonega. Ĉu komprenitas, kamarado Amperjan?

– Ĉu mi rajtas plian demandon? – Roman diris.

– Mi petas, – Elkurello diris kun lace-degna mieno.

– Amvrosij Ambruazoviĉ, – Roman diris, – tamen kio okazos, kiam ĝi finkonsumos ĉion?

La rigardo de Elkurello iĝis kolera.

– Mi petas ĉiujn ĉeestantojn noti tiun ĉi provokan demandon, de kiu je versto fluas la fiodoro de maltusanismo, neomaltusanismo, pragmatismo, ekzistenco...oa...nalismo kaj nekredemo, kamaradoj, je la neelĉerpebla potenco de la homaro. Vi do kion volas diri per tiu ĉi demando, kamarado Ojra-Ojra? Ke en la agado de nia scienca institucio povas veni la momento, krizo, regreso, kiam por niaj konsumantoj ne sufiĉos konsumataĵoj? Ne bonas, kamarado Ojra-Ojra! Ne pripensis vi! Sed ni ne povas permesi, ke oni sur nian laboron pendigu moketikedojn kaj ĵetu ombron. Kaj ni tion, kamaradoj, ne permesos.

Li eligis naztukon kaj viŝis la barbon. G.Penetrema, grimacanta pro cerbostreĉo, prezentis la sekvantan demandon:

– Certe, mi ne estas fakulo. Sed kian estontecon havas la prezentata modelo? Mi komprenas, ke la eksperimento pasas sukcese. Sed ja tro aktive la modelo konsumadas.

Elkurello amare ridetis.

– Jen vidu, kamarado Ojra-Ojra, – li diris. – Ĝuste tiel aperas nesanaj sensacioj. Vi senpripense demandis. Kaj rezulte jam la simpla kamarado estas misorientigita. Ne la ĝustan idealon li rigardas. Ne la ĝustan idealon vi rigardas, kamarado Penetrema! – li alparolis rekte la raportiston. – La prezentata modelo estas jam la pasinta etapo! Jen estas la idealo rigardenda! – Li aliris la duan aŭtoklavon kaj metis la rufharozan brakon sur ties poluritan flankon. Lia barbo hirtiĝis. – Jen estas nia idealo! – li proklamis. – Aŭ, pli ĝuste dirante, jen estas la modelo de nia komuna nova idealo. Ni havas ĉi tie universalan konsumanton, kiu volas ĉion, kaj ĉion, sekve, povas. Ĉiuj bezonoj estas en ĝin metitaj, kiuj nur ekzistas en la mondo. Kaj ĉiujn ĉi bezonojn ĝi povas kontentigi. Per helpo de nia scienco, kompreneble. Mi klarigu por la gazetaro. La modelo de universala konsumanto, enhavata en ĉi tiu aŭtoklavo, aŭ, dirante en nia lingvo, en memŝlositujo, volas senlime. Ĉiuj ni, kama-

radoj, ĉe la plena estimo al ni, estas simplaj nuloj apud ĝi. Ĉar ĝi volas tiajn aĵojn, pri kiuj ni eĉ scieton ne havas. Kaj ĝi ne atendos almozon de la naturo. Ĝi prenos de la naturo ĉion, kio estas bezonata por ĝia plena feliĉo, tio estas, por kontentiĝo. Materie-magiaj fortoj memstare eligos el la ĉirkaŭanta naturo ĉion bezonatan por ĝi. Feliĉo de la prezentota modelo estos super priskribeblo. Ĝi konos nek malsaton, nek soifon, nek dentodoloron, nek personajn malagrablaĵojn. Ĉiuj ĝiaj bezonoj estos momente kontentigataj tuj post ilia apero.

– Pardonu, – Edĉjo diris ĝentile, – kaj ĉiuj ĝiaj bezonoj estos materiaj, ĉu ne?

– Nu kompreneble jes! – Elkurello ekkriegis. – La spiritaj bezonoj estas evoluontaj konforme! Mi jam emfazis, ke ju pli da materiaj bezonoj ĉeestas, des pli diversaj estos la spiritaj bezonoj. Tio estos spirita grandegulo kaj korifeo!

Mi ĉirkaŭrigardis la ĉeestantojn. Multaj estis konsternitaj. La raportistoj impete skribadis. Kelkiuj, kiel mi rimarkis, kun stranga mieno ĵetadis rigardojn jen al la aŭtoklavo, jen al la kadavrulo, senpaŭze glutanta, kaj reen. Stella, klininte la frunton sur mian ŝultron, ekploretis kaj flustris: “Foriros mi de tie ĉi, mi ne povas, foriros mi...” Ankaŭ mi, ŝajne, komencis kompreni, kion timis Ojra-Ojra. Mi imagis grandegan ovritan faŭkon, en kiun, ĵetitaj per forto magia, enŝutiĝas bestoj, homoj, urboj, kontinentoj, planedoj kaj sunoj...

B.Kovulo denove turnis sin al Elkurello:

– Sed kiam kaj kie okazos demonstro de la universala modelo, Amvrosij Ambruazoviĉ?

– Jen la respondo, – Elkurello diris. – La demonstro estas okazonta ĉi tie, en tiu ĉi mia laboratorio. Pri la momento oni informos la raportistaron poste.

– Sed ĉu tio okazos en proksimaj tagoj?

– Estas la opinio, ke tio okazos en proksimaj horoj. Do, kamaradoj raportistoj preferu resti kaj atendi.

Ojra-Ojra diris:

– Ĉu ne ŝajnas al vi, Amvrosij Ambruazoviĉ, ke aranĝo de tia demonstro en fermita ejo, des pli en la urbocentro, estas danĝera?

– Ni ne havas ion por timi, – Elkurello diris gravplene. – Tiuj, jen-do, malamikoj niaj timu.

– Ĉu vi memoras, ke mi diris al vi, ke estas ebla...

– Vi, kamarado Ojra-Ojra, estas sekve-do nesufiĉe forĝita. Endas distingi, kamarado Ojra-Ojra, eblecon disde realeco, hazardon disde neceso, teorion disde praktiko kaj ĝenerale...

– Tamen, eble en liberspaca eksperimentejo...

– Mi estas ekzamenanta ne bombon, – Elkurello diris orgojle. – Mi ekzamenas modelon de la ideala homo. Kiuj ankoraŭ estos demandoj?

Iu saĝulaĉo el la fako de Absoluta Scio ekdemandadis pri laborreĝimo de la aŭtoklavo. Elkurello volonte mergis sin en klarigojn. La malafablaj laborhelpantoj estis pakantaj siajn ilojn por kontentigo de spirbezonoj. La kadavrulo estis voranta. La nigra vestoparo sur li kraketis ŝiriĝante. Ojra-Ojra esplore rigardis lin. Poste li subite diris laŭtvoĉe:

– Estas propono. Ĉiuj, ne interesitaj persone, tuj forlasu la ejon.

Ĉiuj sin turnis al li.

– Baldaŭ ĉi tie estos tre malpure, – li klarigis. – Netolereble malpure.

– Tio estas provoko, – Elkurello diris kun digno.

Roman kaptis mian manikon kaj ektrenis min al la pordo. Mi kuntrenis Stella-n. Post ni ekimpetis ceteraj spektantoj. Romanon oni kredis en la instituto, Elkurellon – ne. En la laboratorio restis el flankaj personoj nur la raportistoj, sed ni amasiĝis en la koridoro.

– Kio estas la kaŭzo? – oni demandadis Romanon. – Kio okazos? Kial do – malpure?

– Tuj ĝi eksplodos, – Roman respondis, streĉe rigardante la pordon.

– Kiu eksplodos? Ĉu Elkurello?

– La raportistoj kompatindas, – Edĉjo diris. – Aŭdu, Saĉjo, ĉu nia duŝejo funkcias hodiaŭ?

La laboratoria pordo malfermiĝis, kaj de tie eliris du laborhelpantoj, trenante la kaldronon kun malplenaj siteloj. La tria laborhelpanto, timeme retrorigardante, tumultumis ĉirkaŭ ili kaj balbutis: “Donu al mi, knaboj, donu, mi helpos, ja estas peza...”

– La pordon fermu, – Roman konsilis.

La tumultumanta laborhelpanto haste fermis la pordon kaj aliris nin, elpoŝigante cigaredojn. Liaj okuloj estis rondiĝintaj kaj moviĝis tien-reen.

– Nu, tuj okazos... – li diris. – Penetrema estas stultulo, mi okulsignis al li... Kiel ĝi voras!.. La kapon eblas perdi, kiel ĝi voras...

– Nun estas dudek kvin minutoj post la dua... – Roman komencis.

Kaj ĉi-momente aŭdiĝis tondrego. Ektintis rompitaj vitroj. La laboratoria pordo ekkrakis kaj forŝiriĝis de sur la ĉarniro. En la aperintan fendon elflugis fotilo kaj ies kravato. Ni saltis flanken, Stella refoje ekjelpis.

– Estu trankvilaj, – Roman diris. – Ĉio estas finita jam. Sur la tero estas je unu konsumanto malpli.

La laborhelpanto, blanka kiel ĥalato, senĉese enspirante, fumis cigaredon. El la laboratorio aŭdiĝis plaŭdado, tusado, nekompreneblaj damnaĵoj. Ekfluis malbonodoro. Mi elbalbutis nedecideme:

– Endas enrigardi, ĉu ne?

Neniu respondis. Ĉiuj kompate rigardis min. Stella mallaŭte ploris kaj tenis min je la jako. Iu al iu klarigis flustre: “Li estas deĵoranto hodiaŭ, ĉu ci komprenas?.. Ja devas iu iri por purigi...”

Mi faris kelkajn necertajn paŝojn al la pordo, sed tiutempe el la laboratorio, kroĉante unu la alian elrampis la raportistoj kaj Elkurello.

Dio mia, en kia aspekto ili estis!

Rekonsciiĝinte, mi elpoŝigis la platenan fajfilon kaj ekfajfis.

Dispuŝante la etatanojn, al mi ekrapidis la urĝa teamo de koboldoj-kloakistoj.





***Respondoj kaj komentoj (la demandojn vidu sur la p. 27)***

**1.** Vasilij Eroŝenko.

**2.** La plena artikoltitolo estis "Esperanto sen esperantistoj".

**3.** Esperantlingva Verkista Asocio (EVA)

**4.** Kolomano Kalocsay. La subskribo aludas pri lia poemaro "Streĉita kordo".

**5.** Julio Baghy.

**6.** IVAN. La donitaj vortoj aludas pri diversaj E-libroj: la *Unua* Libro (L.Zamenhof), "La *dua* invado de marsanoj" (A. kaj B. Strugackij), "Rikardo *Tria*" (V.Ŝekspiro), "Ombroj de la *kvara* dimensio" (E. de Kock), "La *kvina* evangelio" (R. Steiner). Do por la respondo la ŝlosilvorto estas: *sesa* (plia aludo en la demandoteksto). "Ivan la sesa" – estas versa dramo de Geraldo Mattos.

**7.** ian – iam (aŭ: kian – kiam, tian – tiam, ĉian – ĉiam, nenian – neniam). En la Unua Libro Zamenhof preterrimarkis, ke formoj kun la fina *n* miskoincidas kun la akuzativoj de "ia", "kia" ktp. Dank' al la atentigo de von Wahl fine de tiuj vortoj anstataŭe aperis *m*.

**8.** Muzika Esperanto-Ligo (MEL).

**9.** "Ne tankinde". En la demando insiste ripetiĝas "tankoj".

**10.** Edmond Privat.

**11.** Lapenna. (Kiamaniere antaŭ 50 jaroj Ivo Lapenna sukcesis atingi la akcepton de Unesko-rezolucio en Montevideo kaj kion signifas "Blinkenberg-burlesko" – pri tio mi planas artikoli en la sekva numero de REGo.)

**12.** Hendrik Adamson.

**13.** Merlo ("Merlo sur menhiro").

**14.** Ferenc Szilágyi. La vortoj "De Danub' ĝis sveda bordo" aludas pri lia elmigro el Hungario en Svedion.

**15.** "Lingvistikaj aspektoj de Esperanto" (la aŭtoro John Wells prezidis UEA en 1989-95).

**16.** Andreo Cseh. La aludata institucio estas la fondita de li Internacia Esperanto-Instituto, nomata ankaŭ Internacia Cseh-Instituto.

---

– Al mi ŝajnas, ke mia edzino volas divorcon.
– Kial vi tiel opinias?
– Hieraŭ ŝi venigis al ni gaste sian amikinon.
– Nu, kio do?
– Kio do? Vi eĉ ne imagas, kiom bela estas la amikino!

***(per-esperanto-humuro)***

## PROVU TROVI ĜUSTAJN SOLVOJN

***1. KOKTELO.*** *Evidentiĝas, ke la rusa kaj Esperanto tute interplektiĝis inter si, kaj parton de rusaj vortoj konsistigas E-aj vortoj, ekz.* ***моно-грамма.*** *Do, sube vi trovos rusajn vortojn, kaj la kvanto de punktoj montras, kiom da literoj troviĝas en la ellasita parto, koincidanta kun E-vorto. La E-vortoj eniras kun finaĵoj. Por plifaciligi la respondon, post la rusaj vortoj enkrampe estas klarigata signifo de la E-vorto.*

| | |
|---|---|
| 1) ше . . . . . . | (sezono de J.Zajdman) |
| 2) пе . . . . д | (sankta de l' homaro) |
| 3) зер . . . . | (malbeligilo de piedo) |
| 4) хол . . . . й | (skeletaro) |
| 5) аэ . . . . ль | (amatino de najtingalo) |
| 6) лу . . . . ца | (sidi sur ovoj) |
| 7) . . . . вник | (ZEO "Zamenhof" en la jaro 1959) |
| 8) . . . . лка | (kuŝas sur breteto por bonaj infanoj) |

***Solvoj de la taskoj en REGo № 4 (23)***

***KOKTELO****: 1) tra; 2) verŝi; 3) paro; 4) moro; 5) nur; 6) teni; 7) blago; 8) raboti*

***TROVU MEZON:*** *RAMP, GURD, GENU, STAR, RODE, MARD, LARING, ANET, TEKS, BLOK, PATR, RADI, ALEN, FRAK*

---

***2. Trovu daŭrigon – plensencan radikon, kiu kun ĉiu el la komencaj literoj formas alian radikon.***

a) M, G, H, B, L, N, T …

b) B, F, G, K, V …

---

***3. Trovu la novan vorton laŭ la skemo: LIBELO [./..] – BELO; GARDO [.../ ] – GADO.***

KONJAKO [::/:.:]; PETROLO [./..]; KORTO [./::]; KASETO [::/ ]; MONSTRO [::/:::]; ĜERMO [.../ ]; KORALO [::/:.:].

---

*La solvojn necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71) aŭ rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>).*

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.ru/>

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@vens.ru>; plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str. Dugina 17 – 62, 140180 Ĵukovskij, Moskva reg.; retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.

# *"BELEGA MARKIZINO"*

### *la parodion al "Prekrasnaja markiza" verkis T. Auderskaja*

*Halo, ĉu klubo "Verda Harmonio"?*
*Forestis mi dum longa jar'.*
*Dum tiu temp' okazis kio?*
*Rakontu do, ho amikar'!*
*Bonordas ĉio, kara klubanino,*
*Nenia mav' minacas nin.*
*Dorlotas nin videble la destino,*
*Kaj ni prosperas sen la fin'.*
*Nur malgravaĵo, bagatelo:*
*Perdiĝis nia verda stelo,*
*Sed en alio, kara klubanino,*
*Bonordas ni, bonordas ni!*
*O-la-la-la, malbona okazaĵo,*
*Perdiĝis nia verda stel'!*
*Rakontu vi, amiko saĝa,*
*Pri tiu aĉa, aĉa ŝtel'!*
*Bonordas ĉio, kara klubanino,*
*Ne maltrankvilu vi en van'.*
*Por ni ridetas ĉiam la destino,*
*Maltrafis unu nur kluban'.*
*Li perdis stelon kun la mono,*
*Al ni donita por abono,*
*Sed en alio, kara klubanino,*
*Bonordas ni, bonordas ni!*
*O-la-la-la, bedaŭras mi terure,*
*Perdita mono de la klub'!*
*Ĉu malaperis ĝi senspure,*
*Rakontu tuj al mi sen dub'!*
*Bonordas ĉio, kara klubanino,*
*La ĝojo sprucas el la kor',*
*Sed nia sort', verŝajne pro obstino,*
*Surprizis nin en gaja hor':*
*La mon' neniun interesis,*
*Ĉar nia klub' funkcii ĉesis,*
*Sed en alio, kara klubanino,*
*Bonordas ni, bonordas ni!*
*O-la-la-la, suferas la animo,*
*Tro multe da amara gal'.*
*Ĉu estas por la plago limo?*
*Okazis kio en real'?*
*La prezidanto, kara klubanino,*
*Laboris kun grandega pen'.*
*Sed turnis sin malice la destino,*
*Kaj li rezignis pri l' posten'.*
*Kiam forlasis klubon li*
*Obsedis nin melankoli',*
*Ne volis ni labori plu*
*Kaj jen disfalis nia klub',*
*Forgesis ni pri tiu mon',*
*Kiun kolektis por abon',*
*La monon ŝtelis kamarad'*
*Kiu nun sidas post la krad',*
*Kaj prenis li kun mona sum'*
*Ankoraŭ stelon en mallum'.*
*Sed en alio, kara klubanino,*
*Bonordas ni, bonordas ni!*

**REGo (Rusia Esperanto-Gazeto)** **№ 5 (24) oktobro 2004**
**komuna eldono de REU kaj REJM** **aperadas ekde 2000**
*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Arolovič
*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>
*materialoj de la gazeto povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*
**abontarifoj por 2004:**
*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 140 rubloj sendendaj al:*
Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*